# REGO

☆ RUSIA ESPERANTO-GAZETO ☆

*movada revuo* **№ 6 (97) decembro 2016**

**E-maratono en la kinejo "Kosmo"**




**en la numero**


*Zamenhof-festo en Jekaterinburg*

*rakontoj pri TILE-10, MER-7, MLF-11, KAEST*

*UEA renovigis sian Statuton*

*Bulteno de REU*

*novaj diskoj de Vinilkosmo*

*Baghy kaj Kalocsay en ruslingvaj tradukoj*


**Moskvo, 2016**

# enhavo


01 *Zamenhof-festo en Jekaterinburg (R.Kudrjavceva)*

02 *La 7-a MER (D.Ŝevĉenko, A.Striganova)*

03 *La 11-a Moskva LF (I.Gonĉarova)*

05 *La 5-a LF en Velikij Novgorod (I.Gonĉarova)*

06 *TILE-10 (V.Minin)*

07 *Bulteno de REU*

14 *Esperanta maratono en* Kosmo *(I.Gonĉarova)*

16 *KAEST (I.Gnusarjov)*

17 *UEA renovigis sian Statuton*

17 *Pri Daŭripova Turismo en Seulo*

18 *UEA fariĝis la oficiala sponsoro de* Amikumu

19 *Partoprenu, subtenu la 46-an IIK*

20 *Belartaj Konkursoj de UEA en 2017*

21 *Novaj gvidantoj por la Belartaj Konkursoj de UEA*

22 *Aperis "Fundamento de la homaj rajtoj"*

22 *Novaj diskoj de Vinilkosmo*

24 *Biblioteka Apogo Bachrich subvenciis 9 bibliotekojn*

25 *"Kvin geamikoj" de Julia Sigmond (K.Ilutoviĉ)*

26 *Baghy kaj Kalocsay en ruslingvaj tradukoj de L.Novikova*

39 *12-jara Esperantisto-aktivulo Peĉjo Fedosov*

40 *Al la naskiĝtago de Majstro (K.Ilutoviĉ)*

k3 *Gratulo por Irina kaj Svetlana Gonĉarova (L.Novikova)*

k4 *Amuzaj misskriboj kaj eraroj*

k4 *Feliĉan Novan Jaron al ĉiuj!*




**Ne forgesu (re)aboni REGon por 2017!**


## REGo

**(Rusia Esperanto-Gazeto)**

*№ 6 (97) decembro 2016*

*aperadas ekde 2000*

***redaktas*** **Georgij Kokolija**
***kunredaktas*** **Viktor Aroloviĉ**
***kunlaboras*** **Maksim Griŝin**

*poŝta adreso:* Pjatnickoje ŝosse 45 – 105
125310 Moskvo, Rusio

*retadreso:* gazeto@mail.ru

***abontarifoj por 2017:***

*por loĝantoj de Rusio – 850 rubloj, sendendaj al:*
Коколия Георгий Владимирович
Пятницкое шоссе 45 – 105
125310 Москва

*aŭ pagendaj al:* 410011382499386
en la pagsistemo "Яндекс.Деньги"

*por loĝantoj de aliaj landoj – 25 eŭroj*
*pagendaj al la konto* **kklg-r** *ĉe UEA*

***elektronika abono*** *– 400 rub. (10 eŭr.)*

# ZAMENHOF-FESTO EN JEKATERINBURG

La 17-an de decembro en Jekaterinburg okazis bonega Zamenhof-festo kun interesa kaj alloga programo. Malgraŭ vintraj frostoj renkontiĝis amikoj-esperantistoj, kaj ne nur jekaterinburganoj, sed venis el fora norda urbo Surgut Vladimir Opletajev kaj el la najbara urbo Tjumenj – Pavel Veselov, Nastja Golovkina kaj Mansur Mamkin! Certe ili per sia veno kaj aktiva partopreno tre ĝojigis nin, organizantojn! Ankaŭ sendis siajn video-salutojn okaze de la festo niaj ĉarmaj esperantistinoj: Jana Ĥusanova, kiu nun loĝas en la franca urbo Marsejlo, kaj Oljga Ŝiljajeva el la urbo Glazov (Udmurtio), kio estis vere agrabla surprizo por ĉiuj partoprenantoj de la aranĝo!

La programeroj de la vespero variis: filmetoj pri L.Zamenhof kun deklamado de lia poemo "Mia penso"; prezentaĵo de V.Opletajev pri esperantistaj festotagoj kaj historio de Zamenhof-festo; kvizo por la fino de la reta projekto "30 tagoj kun Zamenhofaj proverboj" kaj anonco pri la rezultoj de la projekto, okazigita de mi mem; farita de V.Opletajev kaj Irina Kirina rakonto pri Esperanto-sumoo – internacia projekto por librolegado en Esperanto; rakonto de Aleksandr Osincev pri novaj Esperanto-libroj kaj aŭtora prezentado de V.Opletajev de freŝeldonita en nia regiono Esperanto-libro "Jaroj post jaroj"; informo de Lena Ĥusanova pri la novaĵoj de la projekto "Amikumu". Nu, kompreneble, "kia balo sen regalo", kaj la feston finis ĉetabla festeno kaj amika komunikado, akompane de Esperanto-kantoj surekrane. Agrabla kelkhora Esperanto-festo, kiu donacis multe da pozitivaj emocioj! Dankon al ĉiuj geamikoj, kiuj kontribuis por ke ĝi okazu! Apartan koran dankon por la disponigo de la komfortkondiĉa kunvenejo al Natalja Mansurova kaj ŝia filo Eduard!

***Raja Kudrjavceva (Jekaterinburg)***



## LA 7-a MOSKVA ESPERANTO-RENKONTIGO

La 11-an de decembro ni okazigis la 7-an Moskvan Esperanto-renkontiĝon. Tio estis la plej amasa unutaga MER, kiu akceptis 20 partoprenantojn (la pasinta 3-taga MER-6 havis 30 partoprenantojn; unutaga MER-5 – 18 partoprenantojn). Plejparto de ili estis spertaj rusiaj esperantistoj. Ankaŭ ĉeestis gastoj el Britio/Honkongo kaj Ukrainio. Ĉeestis ankaŭ kelkaj studentoj kaj kursfinintoj de Esperanto-studprogramoj de RUDN-universitato. Estas interese, ke ĉi-foje ĉirkaŭ duono de la partoprenantoj apartenis al "TEJO-aĝo".

Perfekte estis realigita riĉega programo, kiu daŭris ĉ. 10 horojn: **Esperanto-aranĝoj pasintaj kaj estontaj. Rakontoj, fotoj** (*S.Smetanina, A.Nistratov, D.Ŝevĉenko, A.Striganova);* **Komuna kantado** (*M.Povorin, A.Vikulov);* **Koncerto** *(M.Povorin);* **Poezia horo** (*L.Novikova, D.Gasper, V.Melnikov k.a.);* **Prelego: El la vivo de Ivan Ŝirjaev**. **Kontribuo al la iam kompletigota biografio** (*Taŭriono Smikov);* **Fabeloj pri vintraj festoj** *(A.Striganova);* **Novaĵoj en retaj aferoj** (*D.Ŝevĉenko);* **Prelego: Diversa kompreno de E-vortoj rilate al la homoj el diversaj landoj** *(V.Melnikov).*

Tradicie la sola lingvo, kiun oni uzis dum renkontiĝo, estis Esperanto. La fotojn eblas vidi ĉe <https://www.facebook.com/anna.striganova> kaj <https://www.facebook.com/dmitry.shevchenko.1690>.

***Dima Ŝevĉenko, Anna Striganova (Moskvo)***



# LA 11-A MOSKVA LINGVA FESTIVALO, AŬ – SE LA VIVO PROPONAS AL VI CITRONON, FARU EL ĜI LIMONADON



La 20-an de novembro pasis en la rusia ĉefurbo la 11-a Moskva Lingva Festivalo. Kiel ĉiam, ĝin organizis Moskva Esperanta Asocio MASI kun teamo de samideaj junaj lingvistoj kaj aktivuloj.

En la duan jardekon de sia historio la festivalo eniris ne senprobleme. Du tagojn antaŭ la aranĝo s-ro Lubkov, la ĵus enpostenigita plenumanto de la funkcioj de rektoro de Moskva Pedagogia Ŝtata universitato, kun kiu estis traktita kaj jam aranĝita la festivalo, metis sur la Ordonon la rezolucion pri necelkonformeco de okazigo de la festivalo en la universitato. Por nuligi la eventon aŭ transmeti ĝin aliloken la organizantoj havis vesperon de vendredo kaj sabatan tagon. Konservi la daton gravis, ĉar la evento estis vaste anoncita interrete kaj ĉar kelkaj prelegontoj kaj gastoj el aliaj urboj jam speciale venis al Moskvo aŭ estis startontaj. Post tranokta interkonsilado kvar ĉeforganizantoj decidis riski kaj dum la sabato transmeti la festivalon en alian, ŝajnintan tro malgranda, edukejon.

Rezigninte la tradiciajn multhomajn solenaĵojn – la Malfermon kun parado de la lingvoprezentantoj kaj la Fermon kun granda koncerto, sed preskaŭ sen perdoj en la enhava parto de la programo, ni okazigis la festivalon en la Centro de pedagogia majstreco (CPM). Malgraŭ avertaj anoncoj ĉie, kie nur eblis, iom da vizituntoj, verŝajne, tamen perdiĝis pro la subita ŝanĝo de la ejo. Ĝenerale la gastoj apenaŭ kalkuleblas. En la MLF-paĝaro registriĝis 1166 personoj, estis presitaj 700 programfolioj, kiuj ne sufiĉis.

La malfermo komenciĝis je la 11.20 kaj daŭris nur 15 minutojn: salutis kaj bondeziris la festivalon ĝiaj direktoro Irina Gonĉarova kaj la vicdirektoro Anton Somin, ankaŭ nia savinto Vitalij Arnold – la vicdirektoro de CPM. Post 10 minutoj en ĉiuj 17 aŭditorioj de la Centro jam startis la programo: lingvoprezentadoj, lingvistikaj prelegoj, majstroklasoj kaj iom da nacikulturaj distraĵoj. Entute la festivalo liveris al la interesiĝantoj 130 kvardekminutajn aranĝojn. El 64 lingvaj prezentoj

XI
МОСКОВСКИЙ МЕЖДУНАРОДНЫЙ ФЕСТИВАЛЬ ЯЗЫКОВ
20 ноября 2016 г.
Воскресенье, 11:30
Для вас
ВХОД СВОБОДНЫЙ
8 (903) 719-90-83
8 (926) 557-11-73

24 okazis dufoje. La aranĝon kronis gaja komuna lingva kvizo por ĉiuj, kun gajnintoj kaj libraj premioj. Post la oficiala programo la organizantoj kaj prelegantoj estis regalitaj en la manĝejo, ni tostis per ŝaŭmvino kaj sukoj, multe kaj bele kantis, okazinte por ni mem amikan koncerton.

Malgraŭ tre varia lingvistika programo, nia festivalo, tamen, restas Esperanta evento. En la organizado partoprenis 35 personoj, el kiuj 21 estas esperantistoj. El dekkvino da volontuloj triono estas esperantistoj. El ĉirkaŭ 100 prelegantoj 10 estas esperantistoj. Tra la festivalo Esperanta spirito ŝvebis ĉie – kaj apud la Esperanta stando kun libra ekspozicio, kaj en paroloj de homoj, kaj de la programfolioj kun reklamoj de E-aranĝoj. Nia lingvo estis la sola, prezentita trifoje: de Irina Gonĉarova, Tatjana Stepanova kaj Pjotr Fedosov. Fluparolanta esperantisto-aŭtodidakto ekde la fino de 2015, la 11-jara Peĉjo prezentis Esperanton kun nekredebla majstreco. La plej juna lingvoprezentanto tra la historio de MLF kaj eble eĉ tra la 20-jara



historio de ĉiuj lingvaj festivaloj en la mondo, marŝanta en la blanka ĉemizo kun la surbrodita granda verda stelo sur la brusto, Peĉjo logis al si ĉies atenton ne nur kiel atenta aŭskultanto de 7 prelegoj, sed ankaŭ kiel unu el la premiitoj de la dumferma lingva kvizo. Admirojn kaj gratulojn!

Do… Ricevinte de la vivo acidan citronon, oni povas transformi ĝin al dolĉa limonado. Laŭ multaj opinioj de la partoprenintoj la festivalo grave gajnis pro la ŝoka lok-ŝanĝo: la malpli granda ejo evidentiĝis pli oportuna por navigado, projekciiloj bone funkciis en ĉiuj klasoj, la etoso iĝis eĉ pli hejmeca kaj samideana, ol kutime. La festivalo tiom plaĉis al ĉiuj, ke riveliĝis la emo ĉiam okazigi ĝin en la gastama CPM. Sed, spite al la tento, post pli postaj sobraj pridiskutoj la ĉeforganizantoj decidis ne ŝanĝi la tradician formaton – kaj jam ĉi-jare ektrakti pri pli granda festivalejo. Tamen la 11-an MLF ĉiuj, certe, longe memoros…

***Irina Gonĉarova, direktoro de MLF, kuordiganto de MEA MASI***
***http://www.lingvafestivalo.info/***

# LA KVINAN FOJON LINGVA FESTIVALO OKAZIS EN VELIKIJ NOVGOROD




La unua jubilea Lingva Festivalo en Velikij Novgorod pasis la 27-an de novembro, dimanĉe, en la Rusia Universitato de Kooperado. Ĝin organizis tute nova teamo de volontuloj, gvidata de Vasilij Ĥaritonov. Nur antaŭ kelkaj monatoj li transloĝiĝis el Moskvo al Velikij Novgorod. Ŝipkonstruisto laŭ profesio, Vasilij estas arda ŝatanto de etaj etnaj lingvoj de Rusio, adoranto de lingvaj festivaloj, titolita de la moskva teamo "kompetenta aŭskultanto" kun la rajto partopreni elektojn de niaj novaj prelegantoj, kaj mem prezentanto de la jukagira lingvo. Li aperis en Velikij Novgorod ĝustatempe, kiam la antaŭa organizanto jam perdis eblon kaj emon plu okupiĝi pri la lingvaj festivaloj. Por la kunagado Vasilij turnis sin ne tiom al la antaŭaj aktivuloj de la lokaj festivaloj, kiom al propraj amikoj, konatoj kaj samideanoj. Tiel formiĝis la nova teamo de kunorganizantoj: en Sankt-Peterburgo ĉirkaŭ Fjodor Aleksejev, en Moskvo ĉirkaŭ Irina Gonĉarova.

En la unua preparperiodo la peterburganoj estis multe pli aktivaj en pridiskutoj de la festivalaj aferoj kaj aliĝoj al la programo. Moskvanoj, okupitaj pri la moskva LF, ŝajnis tute indiferentaj, malgraŭ ĉiuj miaj alvokoj helpi al la novgorodaj kolegoj. La situacio draste ŝanĝiĝis post la Moskva Lingva Festivalo. La homoj kvazaŭ subite vekiĝis… Ĉiutage venadis novaj kaj novaj sinproponoj de la moskvaj festivalanoj. Rezulte ni formis pli grandan teamon, ol la peterburga, venis dekduope kaj okazigis 21 programerojn el entute 44.

La festivala programo konsistis el Malfermo kun la parado de la prezentantoj, 6 laboraj blokoj kaj Fermo kun enmanigo de la diplomoj kaj koncerto. En la 50-minutaj blokoj estis lingvoprezentadoj kaj lingvistikaj prelegoj, ĉiu po unufoje – krom Esperanto, kiun prezentis mi kaj Peĉjo Fedosov – la mirinfano de la festivalo. Mi certas, ke



kelkaj homoj venis al lia E-prezentado kaj poste ekinteresiĝis pri la lingvo nur dank' al malordinareco de la 12-jaraĝa prezentanto, sed ne pro la lingvo mem. Cetere, la Esperanta prezentado fare de Peĉjo estis eĉ pli bona, ol semajnon antaŭe, en nia MLF (kiam li estis ankoraŭ 11-jara!). Unu el la problemoj de la Novgoroda Lingva Festivalo (kaj ne nur de ĝi!) estas malmulteco de la publiko. Sur tiu fono la 12 vizitantoj ĉe Peĉjo en la 1-a bloko kaj 6 vizitantoj ĉe mi en la lasta estas ne malbona rezulto. Krom ni du, el MASI estis Kuzjma Smirnov kun tri prezentadoj kaj Aleksandr Lebedev kiel gasto. Antaŭ la Malfermo mi, vice kun kelkaj aliaj festivalanoj, estis intervjuita por iu loka televida programo, kaj mi sukcesis paroli pri la rolo de Esperanto en la festivala movado.

Entute la festivalo en Velikij Novgorod estis riĉenhava, tre agrabla kaj, sendube, vizitinda: <https://vk.com/lfestvnov>. Gratulojn al Vasilij pro la sukceso kaj al la festivalo pro la 5-a okazigo!

***Irina Gonĉarova,***
***direktoro de MLF, kuordiganto de MEA MASI***
***http://www.lingvafestivalo.info/***

## TILE-10

La 28-an de oktobro – la 7-an de novembro 2016 en Soĉi sukcese pasis Tagoj de Internacia Lingvo Esperanto (TILE-10). Ial plimulto de la partoprenintoj venis sen aliĝo kaj averto. Venis e-istoj el norda, meza, suda Rusio kaj el Siberio. Venis unu e-isto eĉ el Italio. Estas bone, ke e-istoj el tiuj regionoj, kie jam komenciĝis vintro, povas veni al la subtropika Soĉi por esperantumi kaj ripozi en varma klimato kaj en varma E-etoso. Kiam mi forveturis el TILE-10 la 8-an de novembro, la temperaturo en Soĉi estis +20 gradoj.

La 14-an – la 22-an de oktobro 2017 en Soĉi okazos vica Internacia Festivalo de Junularo kaj Studentoj (IFJS). IFJS-oj okazas en diversaj landoj de la mondo, al kiuj venadas junuloj kaj studentoj el multaj landoj (inkluzive esperantistojn el multaj landoj). En la jaroj 1957 kaj 1985 IFJS-oj okazis en Moskvo, kien venis kaj partoprenis multaj sovetiaj kaj eksterlandaj e-istoj. La partoprenintoj de TILE-10 proponas organizi la sekvan TILE-11 paralele kun IFJS en Soĉi: komenci ĝin iom antaŭ IFJS kaj fini – iom post IFJS. La partoprenintoj de TILE-10 proponas al Rusia Esperantista Unio (REU), al Komisiono pri Azia Esperantista Movado (KAEM) de UEA kaj al UEA eniri en la organizan komitaton de IFJS kaj aranĝi E-programerojn enkadre de IFJS. Iuj programeroj de IFJS povos okazi ankaŭ en aliaj urboj de Rusio.

***Vladimir Minin (Tomsk)***

# BULTENO de REU

№ 87, Decembro 2016



**Karaj gesamideanoj!**

Ni sincere gratulas vin ĉiujn okaze de la Zamenhof-tago kaj la venonta Nova jaro 2017 kaj deziras al vi novajn sukcesojn en la uzado, aplikado kaj disvastigo de la lingvo Esperanto!



***Estraro de REU***

*Aranĝoj*

## RUSIAJ ESPERANTO-TAGOJ

**RET – 2017**




***Rusia Esperantista Unio*** *invitas vin partopreni Rusiajn Esperanto – Tagojn (RET-2017), dediĉitajn al la 140-jariĝo de Ivan Ŝirjaev, esperantisto, verkisto, pastro.*

**Datoj**: 02 – 09.08.2017.

**Temo**: "Idea, filozofia kaj religia fono de Esperanto".

**Celoj kaj taskoj**: studi problemojn de rusia Esperanto-movado, interŝanĝi sperton de E-laboro, konatiĝi kun lokoj de agado de I.Ŝirjaev, disvastigi Esperanton en Jaroslavla gubernio, perfektiĝi en la lingvo, konatiĝi kun foraj lokoj de Rusio, plenriĉe ripozi.

**Loko**: ripozbazejo "Ĉudnoj Dvor" ("Strangula Korto"), kiu situas ĉerande de la urbeto Poŝeĥonjo en Jaroslavla gubernio, surborde de Ribinskoje akvorezervejo. La urbeto havas 5000 loĝantojn kaj famas per sia antikva historio, 5 riveroj kaj 7 pontoj. Poŝeĥonjo troviĝas je distanco 150 km de Jaroslavlo kaj estas ĉirkaŭita per densegaj naturaj arbaroj. La partoprenontoj loĝos en la hotelo kaj lignaj domoj de la bazejo. La teritorio aspektas ĉarme kaj tre hejmece, sur ĝi troviĝas duetaĝa restoracio, 2 rusaj vaporbanejoj, sportejo, plaĝo, laŭboj, saŭno, biliardejo, luejo por bicikloj. Multaj figuretoj el konataj rusaj fabeloj ornamas la bazejon. Eblos veturi per boatoj, riveraj ŝipetoj, fiŝkapti, organizi lignofajrojn, ktp.

**Provizora programo**: REU-Konferenco, lingvaj kursoj, Somera Universitato, kvizoj, ludoj, vesperaj koncertoj, "Unuaj Lego-Tagoj omaĝe al Ivan Ŝirjaev" kun vizito de la vilaĝo, kie li diservis, ekskursoj al urboj Tutaev kaj Ribinsk.

**Post-RET-a programo**: planatas dutaga restado en Jaroslavlo kaj vizito al Kostroma.
**Partopreno**: ni invitas ĉiujn esperantistojn de nia vasta Rusio, ankaŭ bonvenas eksterrusiaj gastoj. Ĉiu dezironto ricevos invitleteron de REU por vizo-obteno.
**Loĝado**: En 2–5-litaj ĉambroj kun duŝoj kaj necesejoj. Ekstremokaze eblos tendumi.
**Manĝado**: organizite en la bazeja restoracio 3-foje tage.
**Aliĝkotizo**:
**Ĝis 31.01.2017 –** 1200 rubloj por membroj de REU; 1500 rubloj por nemembroj de REU; 25 eŭroj por eksterrusianoj. Infanoj kaj lernejanoj kotizon ne pagos.
**Ekde la 01.02.2017** la kotizoj altiĝos je 100 rubloj kaj 5 eŭroj.
**Plenigu la aliĝilon: <http://reu.ru/kalendaro/alighilo/RET-2017/>**
Ĉiujn informojn pri aliĝo, pago, programkontribuo ktp bonvolu peti ĉe la kunordiganto de la Organiza Komitato Svetlana Smetanina <svsmetanina@yandex.ru>.

**Bonvenon al la pitoreskaj lokoj de nekonata Rusio!!!**

## Novojarsk-2017

***Novjara Esperanto-renkontiĝo,*** **2016-12-30/2017-01-05**

La 30-an de decembro je 10:00 (msk+4) – la 5-an de de januaro je 20:00 (msk)

Karaj amikoj! La ideo organizi iun novjaran renkontiĝon havis sukceson pasintjare, kaj ni daŭrigas! Ĉi-jare en Novosibirsko! La flamruĝa koko invitas vin pasigi tempon gaje kaj kune! Detalojn vidu ĉe <vk.com/novojarsk2017>.

***Esperantisto de la jaro***



Laŭ decido de la Estraro de REU de la 6-a de decembro 2016 **rusia esperantisto de la jaro 2016** estis nomumita **Jefim Zajdman** el la urbo Jalto – pro senlaca laboro pri organizado de renkontiĝoj, preparado de novaj esperantistoj, modela gvidado de la loka klubo kaj pluraj aliaj meritoj. Ni gratulas el la tutaj niaj koroj!

***Estraro de REU***

## *Historio*

**NI VIN MEMORAS**

*Al 80-jariĝo de la partopreno de sovetiaj internaciistoj en la Hispana civitana milito en 1936-1939*

Pri ĉi tiu jubilea dato aŭdis multaj. Estis radioelsendoj, artikoloj en gazetoj, la televido invitis vivantajn en Rusio hispanajn infanojn, kiuj estis alveturigitaj en nian landon kaj trovis ĉi tie la duan patrujon. Estis demonstrita laŭ TV la filmo "Hispana spuro". Nuntempe de la 7-a de novembro ĝis la 30-a de decembro 2016 funkcias en Moskvo la ekspozicio "Ĉar Donkiĥoton kreis hispano" pri internaciaj brigadoj en la civitana milito en Hispanio (Rusia ŝtata arkivo de la soci-politika historio).

Ankaŭ en nia urbo Samara la 21-n de oktobro okazis inaŭguro de la steleo memore al samaranoj, kiuj partoprenis tiun militon. Kaj en ĝia starigo la lingvo Esperanto ludis ne lastan rolon. Ĉio komenciĝis antaŭ dek jaroj. Okazis tiel, ke du membroj de nia urba E-organizaĵo, mi kaj Jelena Alfjorova, eniiris grupon por fari en la milita muzeo ekspozicion, dediĉitan al samaraj volontuloj de Hispana milito de 1936-1939. Ni decidis prezenti en la vitrino la libron de B.Smirnov "De Madrido al Ĥalĥin-Golo". Boris Smirnov estas nia samurbano, Heroo de Soveta Unio, aviadisto. En Hispanio li estris eskadreton de ĉasaviadiloj I-16. La eskadreto baziĝis en diversaj aerodromoj, inter ili en la aerodromo Sabadell, je 20 km de Barcelono. Tie en novembro de 1937 en aviadila katastrofo pereis kamarado de B.Smirnov aviadisto Nikolao Voloŝĉenko.



Ni decidis, ke estus bone trovi la foton de la aerodromo en Sabadell kaj, eble, la foton de la tombo de N.Voloŝĉenko. Feliĉa okazaĵo! En tiu urbo loĝas Luis Cerrano Perez, la redaktoro de la revuo "Internaciisto". Mi skribis al li nian peton, kaj Luis iris al la urba arkivo. Tie oni lin konatigis kun eksa aviadisto Pere Ribalta, kiu okupiĝis pri la historio de aviado en Sabadell kaj ankaŭ pri sovetiaj eskadretoj, kiuj baziĝis tie dum la milito.

Eksciinte pri la libro de B.Smirnov, unu el kies ĉapitroj nomiĝas "Sabadell, Sabadell" (tie estas priskribita la pereo de Voloŝĉenko), P.Ribalta sendis al mi per elektronika poŝto proponon aĉeti ĉe mi ĉi tiun libron. Li trovis ĝin nek en hispanaj, nek en katalunaj bibliotekoj, nur unu ekzemplero evidentiĝis en la katalogo de Brita biblioteko (kaj tio ne estas mirinda, ja la libro estis eldonita de la loka Kujbiŝeva eldonejo). Mi promesis transdoni ĝin iamaniere, kaj ĉi tio okazis tre baldaŭ. De Moskvo al Hispanio en oktobro de 2006 veturis grupo por celebri la 70-jariĝon de interbrigadoj, mi ankaŭ estis invitita. Ni vizitis en Madrido lokojn, kie okazis varmegaj bataloj kontraŭ frankistoj kaj german-italaj faŝistoj, renkontiĝis kun tiam vivantaj interbrigadanoj. Kaj tute nekredebla feliĉa okazo: post Madrido kaj Zaragoso ni veturis Barcelonon kaj estis lokitaj en hotelo de la apuda urbeto Sabadell. Tie ni loĝis tri tagojn veturante al aranĝoj en buso.

Jam en la unua tago hotelon venis miaj samideanoj, kaj ni triope vizitis la arkivon. Post komuna konsento mi donacis la libron al la arkivo (al ĝia direktoro Juan Comasolivas), pri kio tuj informis loka gazeto. Kaj post nelonga tempo la ĉapitro "Sabadell, Sabadell" estis tradukita al la kataluna lingvo. Jam reveninte hejmen, mi ricevis de P.Ribalta tiun tradukitan ĉapitron kun lia antaŭa artikolo, kiuj estis publikigitaj en la eldonata de la arkivo revuo "Arraona". Kiel Pere skribis, "Ĉi artikolo estas rezulto de nia komuna laboro pri historio de rusaj pilotoj". Li ne povis trovi la tombon de N.Voloŝĉenko, sed ni poste trovis ĝin, danke al nia ambasado en Hispanio, en urbeto La Senia.

Post aranĝoj mi gastis kelkajn tagojn en la domo de Luis Cerrano kaj lia edzino Maria. Ili iam konatiĝis kiel esperantistoj. Ni vizitis en Barcelono la kafejon sur la

placo de Katalunio, kie dum merkredoj matene kolektiĝis esperantistoj (pensiuloj).
Mi trifoje partoprenis tiajn aranĝojn en Hispanio kaj volas diri, ke ĉie al ni, partoprenintoj, oni rilatis tre bone. Ĉion organizis AABI (Asocio de amikoj de la brigadoj internaciaj). Rimarkindaj homoj! En la stratoj de Barcelono loĝantoj, ekvidinte la respublikan flagon sur nia buso, ridetis kaj mansvingis. En la metrostacio unu sufiĉe juna laborulo de la metroo, rigardis mian insignon sur jako, levis la manon en respublika saluto kaj diris: "Muy bueno" ("Tre bone").
Sed tio estas unu flanko de Hispanio. Fakte, la hispana socio estas dividita en sia rilato al la Enlanda Milito kaj la 2-a respubliko. En 2011 mi ĉeestis inaŭguradon de steleo memore al interbrigadanoj en la Universitata urbeto en Madrido, starigita laŭ iniciato de unu fakultato. Post kelkaj tagoj la steleo estis surverŝita per ruĝa farbo, la floroj – elŝiritaj. La rektoro de la fakultato diris, ke inter studentoj ĉiam ekzistas negranda, sed tre aktiva kaj kriema grupo de faŝistema junularo. Pri tio oni povas ankaŭ legi en gazetoj. Ĉi-oktobre en Hispanio estis tre vasta celebrado de la 80-jariĝo de alveno de internaciistoj por defendi la Respublikon. La granda grupo de alvenintoj el diversaj landoj vojaĝis dum 8 tagoj, vizitante diversajn memorlokojn. Ilin bonvenigis estroj de urboj kaj urbetoj. Aperis novaj steleoj kaj memorsignoj, en Madrido nun estas Ĝardeno de Internaciaj Brigadoj. Okazis honorado de sovetia konsilanto en Hispanio, "ĉefa esploristo" Ĥaĝi Mamsurov apud lia monumento... Sed tamen post iom da tagoj estis malpurigita la memorsigno pri irlanda volontulo, poeto Ĉarli Donelli, kiu pereis en batalo en 1937. En Toledo estis prezentita ĉi-jare granda teatraĵo glorinta generalon Franko.
... Tempo pasis, nia laboro daŭris. Ni jam trovis 8 samarajn "hispanojn", inter ili tiajn famulojn kiel vicadmiralo Gavriil Ĵukov, defendanto de Odeso dum la Granda Patruja Milito, aviadisto Georgo Zaĥarov, Heroo de Soveta Unio (en la komenco de 1943 li estris ĝis la fino de la milito la faman 303-an avidivizion, en kies konsisto batalis francaj pilotoj de la regimento "Normandio-Neman"). Eksciinte pri nia laboro, nin invitis la Komitato de veteranoj de la milito kaj militservo, kaj tiel aperis hispana grupo en la Komitato, kiun mi gvidas. Rezulto de nia laboro estis la ekspozicio pri Hispana milito en la regionografia muzeo en 2009 sub la titolo "Vi venis al ni demalproksime..." (la vortoj el versaĵo de hispana poeto Rafael Alberti). Ĝi estas moviĝanta kaj ĝis nun vojaĝas tra muzeoj de la regiono.
Necesas diri, ke ankoraŭ en 2007 aperis ideo honori la memoron de niaj samlandanoj per iu memorsigno. Tiam ni ne estis membroj de la Komitato, kaj mi kiel prezidanto de la urba E-organizaĵo skribis leteron al deputito de la regiona Dumao. Mi rakontis, ke ni serĉas volontulojn el nia regiono, kiuj batalis en Hispanio en 1936-1939 kaj tio estis la unua batalo kontraŭ faŝismo. "La membroj de nia organizaĵo vigle interesiĝas pri historio de tiu milito, pri ĝiaj partoprenintoj, inter kiuj estis ankaŭ esperantistoj, t.e. homoj, posedantaj internacian lingvon Esperanto". (Interalie ni ne trovis esperantistojn inter sovetiaj volontuloj, tamen hispana esperantisto Tonio del Barrio iam sendis al mi materialojn pri hispanaj esperantistoj en la Enlanda Milito, pri gazetoj eldonataj tiam en Esperanto; mi rakontis pri tio dum VER-14.)
Poste sekvis nia propono starigi steleon por honori samarajn volontulojn-

internaciistojn. La deputito transdonis nian leteron en la komisionon pri kulturo de la urba Administracio. Tamen iniciatinto devis havi konton, ĝin havis la Komitato, kaj poste ni agis kiel ĝia hispana grupo. Kaj al ni helpis ne nur niaj klubanoj, sed ankaŭ eksterlandaj esperantistoj. Ekzemple Ernesto Quietensky el Aŭstrio, kiu kontaktigis nin kun la arkivo de Vieno. Pasis jaroj... En 2014 ni ricevis permeson de la urbestro kaj dum du jaroj nin turnadis al diversaj personoj kaj organizaĵoj kun peto pri financa helpo. Reeĥis konata en nia urbo energiisto V.Avetisjan, honora civitano de Samara.

La inaŭguron ĉeestis multe da homoj – reprezentantoj de la urbaj administracio kaj Dumao, ĵurnalistoj kaj fotistoj, anoj de diversaj sociaj organizaĵoj kaj, certe, niaj amikoj kaj helpantoj el muzeoj, bibliotekoj kaj arkivoj. El Moskva Asocio de Memoro venis du virinoj, kies patroj batalis en Hispanio. L.Kalinenko el Naro-Fominsko, ankaŭ la filino de la aviadisto-“hispano”, alportis la grundon el la hispana loko de lasta kruela batalo ĉe la rivero Ebro. Entute ĉeestis 7 gefiloj de volontuloj. Mi voĉlegis salutmesaĝon de niaj amikoj el germana urbo Hamburg, kiuj gardas memoron pri la 11-a interbrigado.

Sur la steleo oni povas legi 21 familinomojn. Inter ili 9 aviadistoj, du tankistoj, du maristoj, militkonsilantoj kaj unu tradukistino. Pri kio oni parolis dum inaŭgurado?

– Necesas pri tiuj eventoj rakonti al nia junularo, por ke la “bruna pesto” ne ĉirkaŭkaptu denove la Teron.

– Ĉi evento estas tre grava por nia urbo.

– La monumento devas montri al nia junularo, ke veraj herooj ne mortas, ili estas vivaj dum estas viva la memoro pri ili.

Moskvanino T.P.Ĵegliĉeva, kies patro riparis aviadilojn en Hispanio, post reveno hejmen skribis al ni: “Ni longe rememoros, kiel vi organizis ĉi tiun, necesan por la tuta Rusio, agon de Memoro. Kvazaŭ ĉiuj niaj patroj ricevis longe atenditan por ili saluton”.

Kaj ni ĝojas, ke nun en la parko de Venko ĉi steleo rememorigos pri heroaĵo de niaj samaranoj-internaciistoj, por kiuj la lukto kontraŭ faŝismo komenciĝis en la fora jaro 1936 en Hispanio. Ili kuraĝe batalis kaj lasis pri si bonan memoron. Pri tio la vortoj de Dolores Ibarruri sur la steleo: “Vi venis al ni kiel fratoj, kiel filoj de la senmorta Hispanio... Ni ne forgesos vin”.

***M.Prilepskaja, prezidanto de Samara E-organizaĵo***

# *Nia kulturo*

## Ni faru nian poezion vere internacia

En la pasinta numero de BdR Ludmila Novikova proponis la konkurson pri traduko el Esperanto al la rusa de la poemo de ***Julio Baghy “Aŭtuna foliaro”.*** Dume ni ricevis nur unu tradukon fare de ***Ludmila Karpeta*** el la E-Klubo "Pacifiko", Vladivostoko. La traduko nepre meritas laŭdon kaj publikigon.

**Осенняя листва**

Листья разноцветные водят хоровод,
По полям и улицам ветер их метет.
Тронутые инеем вместе собрались,
Ветерком гонимые в небо унеслись.

Радостно порхая в пляске круговой,
Вдруг остановились, чтоб найти покой.
Опустились низко, грустно шелестят,
Тихо отдыхают, скорбно так молчат.
Ветра дуновение вновь поднимет их,
Ни забот, ни целей нет у них самих.
И в веселом вихре кружит хоровод
Листья понемногу замедляют ход.
И упасть на землю вновь придется им,
Гнить под одиноким деревом сухим.

## «La Ondo de Esperanto» – nur elektronike

Ekde 2017 la internacia gazeto ***"La Ondo de Esperanto"*** ne plu aperados paperforme, nur en elektronika dosiero. Prezo por rusianoj – 750 rubloj jare; por aboni oni povas sin turni al la peranto S.Smetanina, <svsmetanina@yandex.ru>.

***Novaj libroj***




**"Dia liturgio"** – ĝi estas traduko de la Dia liturgio de la sankta patro Johano la Orbuŝa, frukto de plurjara traduka laboro de KORE (Kristana ortodoksa rondo esperantista), kiu ekzistas ekde 2005 kiel reta komunumo. Kunlaborantoj de ĉi libreto estas: pastro Stefano Hawkes-Teeples, Sergio Pokrovskij, Gerrit Berveling, Aleksander Korĵenkov, Efthimios Mavrogeorgiadis, Maksim Soloĥin, Arsenij Miĥalev, hieromonaĥo Taŭriono. La eldono estas destinita por uzo de laikoj dum diservoj. La teksto estas interesa kaj uzinda. Eldonita en Moskvo laŭ speciala mendo, 56 paĝoj, eldonkvanto 300.




***Vladimir Opletajev "Jaroj post jaroj".*** Kolekto de aŭtoraj tekstoj, verkitaj kaj publikigitaj en Esperanto en la jaroj 2000-2016. Surguto, privata eldono, 108 paĝoj. La libro estas dediĉita al Viktor Kudrjavcev, elstara urala esperantisto. Ĝi entenas biografiajn notojn pri la aŭtoro, Esperanto-movado en Uralo, gravan materialon pri ESPRIMOj, eminentaj personoj, kelkajn rakontojn kaj intervjuojn. La enhavo estas alloga, ege interesa kaj instrua. Unusola manko estas tre etaj literoj.

***In memoriam***

## Forpasis Vasilij Grigorenko

Kun granda malĝojo mi informas, ke 09.09.2016 forpasis ĉe la 73-a jaro de la vivo esperantisto-veterano **Vasilij Vasiljeviĉ Grigorenko** (Ukrainio).
Iam Grigorenko ricevis superan pedagogian kleriĝon, instruis la historion. Esperantisto ekde 1967, li estis fondinto kaj gvidinto de Esperanto-klubo en Poltavo, aktiva partopreninto de pluraj renkontiĝoj de esperantistoj. Nur dum lastaj jardekoj, pro drasta malboniĝo de la vidkapablo, li devis limigi sian aktivecon. Sed ni ĉiuj, konintaj Vasilij, konservos en niaj koroj helan memoron pri la bona homo kaj eminenta esperantisto.

***Anatolo Masenko***

# KOTIZOJ de REU por 2017

(akceptita de la Estraro de REU 21.10.2016)

*Membri en REU oni rajtas ekde la aĝo 18 jaroj; 14-17-jaruloj rajtas aliĝi kiel kandidatoj kun samaj rajtoj krom voĉdonrajto.*

1. Individua kotizo – 250 rub. (por ekster-KSŜ-anoj – 20 eŭroj). La individua membro ricevas elektronikforme membrokarton, Bultenon de REU, Jarlibron de REU kaj aliajn informojn (laŭpete REU sendas la materialojn ankaŭ per ordinara poŝto), voĉdonrajton dum Konferenco de REU, rabatojn ĉe uzo de REU-servoj, abono de REGo kaj en REU-aranĝoj.
2. Dumviva kotizo – 20-oblo de la individua kotizo. La dumviva membro ricevas ĉion saman kiel la individua membro dum la tuta vivo.
3. Mecenata kotizo – ne malpli ol 2-oblo de la individua kotizo. La mecenato ricevas ĉion saman kiel la individua membro plus danka mencio en la Bulteno kaj en la asocia retejo <reu.ru>.
4. Kolektiva kotizo – 200 rubloj por ĉiu aligita membro (la aliĝintaj kolektivoj pagas minimume por 5 aligitaj membroj). La aliĝinta kolektivo ricevas membrokartojn (elektronikforme) por siaj aligitaj membroj, Bultenon de REU, Jarlibron de REU kaj aliajn informojn, voĉdonrajton por siaj aligitaj membroj dum Konferenco de REU, rabatojn ĉe uzo de REU-servoj, ĉe unu abono de REGo kaj en REU-aranĝoj.
5. Aliĝkotizo por nova aliĝinta kolektivo, aŭ okaze de realiĝo – 300 rubloj. Unufoje pagata de nova aliĝinta kolektivo. Jam aliĝintaj kolektivoj ne pagas. Nova kolektivo iĝas regiona organizaĵo de REU kaj laŭpete ricevas dokumenton pri tio. Se kolektivo ne pagas kotizojn por aligitaj membroj dum du sinsekvaj jaroj, ĝi poste devas denove aliĝi al REU.

Amiko de REU – senpage. Amikoj de REU ricevas rajton partopreni en REU-Konferenco sen voĉdonrajto, Bultenon de REU en elektronika formo kaj aliajn informojn. Persono, sin anoncanta "amiko de REU", devas plenigi aliĝilon kaj mencii sian validan retadreson.

*Ĉiuj membroj de REU kun la aĝo malpli ol 31 jaroj aŭtomate iĝas membroj de la junulara sekcio REJM (Rusia Esperantista Junulara Movado) kaj ricevas voĉdonrajtojn en REJM-voĉdonoj.*

*La pagmanierojn vidu en <http://reu.ru/paghoj/pagmanieroj_eo.html>.*

*La eŭraj kotizoj sendendas al uea-konto "reua-p".*

---

**La Bulteno de REU (BdR) atendas viajn lokajn, regionajn novaĵojn! Bonvolu sendi ilin al Nikolao Gudskov <nikolao@yandex.ru> aŭ (kaj) Svetlana Smetanina <svsmetanina@yandex.ru>.**

*Estraro de Rusia Esperantista Unio*

---

Redaktofino 08.12.2016

# Eksciu, ke...

## ESPERANTA MARATONO EN *KOSMO*

La 16-an de oktobro, dimanĉe, en la moskva kinejo ***Kosmo*** pasis nova Esperanta aranĝo por ekstera publiko. Ties ĉefa intenco estis konatigi interesiĝantojn kun Esperanto, kaj kaŝitajn esperantistojn – kun iom da moskva esperantistaro. Per tio MEA MASI plenumas unu el siaj statutaj celoj: *disvastigo de informo pri Esperanto kaj kreo de pozitiva rilato al ĝi en la socio.* Dum ses horoj ĉirkaŭ 20 MASI-anoj komunikiĝis inter si kaj kun proksimume samnombraj gastoj.

Indas rimarki, ke allogi moskvanojn por dediĉi siajn dimanĉajn horojn al iu ajn aranĝo surfone de la giganta distraĵ-konkurenco estas granda problemo. Ni elspezis multe da tempo kaj energio por reklamado en popularaj afiŝretejoj. Rezulte venis homkvanto, optimuma por la salono, estinta en nia dispono. Ĉe la enirejo kaj en la vestiblo kun la kasoj kaj spektejaj enirpordoj pendis du grandaj niaj afiŝoj kun la teksto: "*Эсперанто – язык международного общения. Поднимитесь выше! Идите по звёздам! Мы в Космосе ждём именно вас!*" (Esperanto estas la lingvo de internacia komunikado. Leviĝu pli supren! Iru laŭ steloj! Ni en Kosmo atendas nome vin!) Kaj al la izolita dua etaĝo, kie ni troviĝis, gvidis belaj bonvideblaj verdaj steloj, gluitaj sur la planko de la enirpordo al nia laborspaco.

Krom seninterrompe funkciantaj konsultadoj por interesiĝantoj, en la programo estis paroligaj ekzercoj por neesperantistoj, prelegetoj, prezentadoj de filmetoj, teatraĵo, libra ekspozicio, stando "Mia Vorto" kaj por neokupitaj esperantistoj – prezentadoj de kelkaj lingvoj fare de invititaj fakuloj: la itala, la franca, la japana kaj la klingona. Dum la tuta tempo por ĉiuj funkciis senpaga regalado ĉe speciale aranĝita manĝotablo.



La ĉefa evento estis la solena malfermo de la unua Moskva

parola Esperanta klubo por memlernantoj – ***EPoKo***. Ĝuste tiu ĉi programero allogis plej grandnombran publikon. Estis atingita nia celo kapti moskvanojn-memlernantojn, kiuj ankoraŭ ne emas



aparteni al iu E-organizaĵo aŭ E-kurso, sed pretas veni al publika senpaga aranĝo por iom adaptiĝi kaj fari siajn konkludojn. En la Malfermo de EPoKo estis multaj komunikaj ludoj, dum kiuj la novuloj miksiĝis kun junaj E-parolantaj MASI-anoj, kaj tio lasis tre bonan impreson. Intercetere ni partoprenigis ĉiujn ĉeestantojn en amasa amuza skeĉo laŭ la rusa fabelo "Rapo". Okazis ankaŭ enmanigo de diplomoj pro KER-ekzameno surfone de granda Esperanta flago, tenata de ĉeestintoj. Kronis la feston la distondo de la verda rubando, simbolanta la Malfermon de la nova EPoKo. Ĉiuj entuziasme deklamis la sloganon:

*Multe ŝatos ni, sen dubo,*
*Nian paroligan klubon!*
*Esperanta perfektiĝ'*
*Nin kondukos al feliĉ'!*

La kunvenoj de EPoKo estas planataj por unu fojo monate.

Multaj gastoj eldiris siajn plej bonajn impresojn pri la aranĝo. Ankaŭ la MASI-anoj malvolonte lasis la emociplenan eventon, ŝajne dum du horoj ni ne povis disiĝi. Ja ĉiuj sentis sin bezonataj kaj utilaj por la komuna afero. Speciale ni danku al Mikaelo Abramoviĉ (paperaj reklamoj, klarigadoj pri Esperanto ĉe manĝotablo, financa subteno, transportadoj), Aleksandr Basov (financado de la manĝotablo), Nataŝa Ĉistozvonova (reklamado en la Interreto), Pjotr Fedosov (bildraporto pri sia E-prelego por ekstera publiko en Puŝĉino, prezentado de sia rol-filmeto pri Esperanto, parkera deklamado de la fabelo "Katofeo"), Natalja Laziĉ (lingvaj konsultadoj kaj okupoj kun infanoj), Kuzjma Smirnov (prezentado de la klingona lingvo kaj kvizo "Divenu poeton"), Jevgenija Golovina (stando "Mia Vorto"), Maksim Silantjev (teknika helpo, fotado), kaj al ĉiuj – pro preteco helpi, amikemo kaj bonega humoro!

***Irina Gonĉarova, kunordiganto de MEA MASI***

## KAEST

De la 17-a ĝis la 20-a de novembro jam la kvaran fojon en la urbo Modra (Slovakio) sub gvidado de E@I okazis Konferenco pri Aplikoj de Esperanto en Scienco kaj Tekniko (KAEST), en kiu partoprenis pli ol 60 personoj el 15 landoj kaj kie ankaŭ mi partoprenis kaj eĉ prelegis pri historio. La celo de tiu ĉi konferenco estis montri, ke Esperanto taŭgas ne nur por simpla babilado kaj komunikado inter homoj, ne nur por komponi belajn kantojn kaj verki interesajn rakontojn, sed ankaŭ por vera scienco. Eĉ la konferenca slogano estis "Venu ankaŭ vi ĝui sciencon en Esperanto!". La pasinta KAEST sukcese plenumis sian taskon kaj montris, ke serioza scienco ne troviĝas malproksime de esperantistoj kaj Esperantujo. La ĉefa temo de la aranĝo estis "Avantaĝoj kaj obstakloj de moderna komunikado". Dum tiu ĉi konferenco okazis pli ol 50 prelegoj, seminarioj (inkluzive AMO-seminarion sub la egido de UEA, prezentita per la persono de vicprezidanto de UEA Stefan MacGill), diskutforumoj, publikaj lecionoj ktp. Multaj prelegoj estis dediĉitaj al moderna komunikado (per Esperanto kaj ne nur per ĝi) kaj ĝiaj problemoj, kiuj nun staras antaŭ moderna informa homaro.

Multaj prelegoj ankaŭ prezentis Esperanto-movadon kaj kulturon, filatelon kaj historion, meditadon kai veganismon, galaksian evoluon kaj bicikladon ktp. Preskaŭ ĉiam post la prelegoj estis viglaj diskutoj (kaj eĉ kelkfoje disputoj), en kiuj aktive partoprenis aŭskultantoj. Rimarkindas, ke ĉifoje estis ankaŭ kelkaj publikaj lecionoj, kie oni povis ricevi novajn sciojn kaj manierojn praktike utiligi ilin pri Vikipedio, pri diversaj Guglo-programoj, grafikaj programoj, meditado.

Riĉaj estis vesperoj, kiam partoprenantoj povis paroli kaj daŭrigi komencitajn kaj novajn diskutojn, ludi kaj vingustumi. Ankaŭ estis ĉiuvesperaj muzikumado kaj instruado de Esperanto-kantoj, kie oni lernis (mal)novajn E-kantojn. Do mi povas diri, ke la pasinta KAEST estis sukcesa, utila kaj riĉa, ne nur danke al abunda kaj intensa programo, sed ankaŭ danke al varma amika kaj (memkompreneble) scienca etoso.

***Ilja Gnusarjov, membro de MEA MASI, volontulo ĉe E@I (Slovakio)***



## UEA RENOVIGIS SIAN STATUTON

Per 7751 ĝis 8348 jesaj voĉoj el la 9 054 esprimitaj voĉoj, poŝte senditaj al la Centra Oficejo en Roterdamo, la membroj de UEA esprimis sian aprobon pri aro da ŝanĝoj proponitaj en ĝia Statuto.

"Ni estas feliĉaj, ke tiuj proponoj de nia Komitato ricevis la benon de niaj membroj", reagis d-ro Mark Fettes, la Prezidanto de UEA. "Ili inkluzivis plurajn necesajn paŝojn por modernigi la Asocion kaj faciligi la demokratian partoprenon de niaj membroj."

Ŝanĝoj en 20 artikoloj de la Statuto, unu triono de la tuto, estis diskutitaj kaj aprobitaj de la Komitato de UEA dum ĝia kongresa kunsido en Nitro. Laŭ la preskriboj de la Statuto mem, tiaj ŝanĝoj bezonas la aprobon de la membraro por efektiviĝi. La lasta Ĝenerala Voĉdono okazis en 1979 kaj 1980.

"La nombrado estis longa procezo", aldonis d-rino Veronika Poór, la Ĝenerala Direktoro de UEA. "Niaj oficistoj, kiujn superrigardis niaj tri voĉdonkontrolantoj elektitaj de la Komitato, pasigis longan tagon malfermante kovertojn kaj kontrolante la voĉojn."

La voĉdonkontrolantoj estis Osmo Buller, Joop Kiefte kaj Rob Moerbeek. Ili nombris la voĉojn sur entute 1336 indidivuaj voĉdoniloj kaj 37 voĉdoniloj de la landaj asocioj kaj 5 voĉdoniloj de fakaj asocioj. La landaj asocioj voĉdonis nome de la aligitaj membroj de UEA en sia lando, uzante diversajn metodojn por sondi ilian opinion.

La statuta ŝanĝo, kiu vekis plej multan diskutadon, estis la transformo de TEJO el "integra parto" de UEA al "jure memstara asocio, al kiu UEA konfidas la organizadon de siaj junaj membroj." Laŭ la Prezidantoj de UEA kaj TEJO, tamen, la kunlaborado inter la du asocioj restas same proksima kiel antaŭe, kaj eĉ pliintensiĝas sur diversaj kampoj.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## PRI DAŬRIPOVA TURISMO EN SEULO

Laŭ decido de la Estraro de UEA, la 102-a Universala Kongreso de Esperanto traktos la temon *Turismo kaj evoluo: vojoj al daŭripovo*. Tiun elekton inspiris la decido de Unuiĝintaj Nacioj (UN) nomi la jaron 2017 la Internacia Jaro de Daŭripova Turismo por Evoluigo.

*La nuntempa amasa turismo kreskis el ideoj kaj entreprenoj, kiuj formiĝis en la sama epoko kiel Esperanto,* komentas Mark Fettes, la Prezidanto de UEA. *Ĝi havas grandan potencialon interproksimigi homojn, sed ĝi povas ankaŭ esti medi- kaj kultur-detrua. En tempo, kiam la mondo serĉas daŭripovajn solvojn por siaj problemoj, la ligiteco inter tutmonda komunikado kaj tutmonda vojaĝado fariĝis grava demando.*

Laŭ la statistiko de UN, preskaŭ dekono de ĉiuj laborpostenoj tutmonde rilatas al turismo. La signifo de tiu ekonomia sektoro *estas ofte subtaksata,* laŭ la Ĝenerala Sekretario de la Monda Turisma Organizo, Taleb Rifai. Precipe en la ekonomie plej malfortaj landoj, la disvolvo de daŭripova turismo povus esti efika rimedo en la streboj por forigi akutan malriĉecon – la unua el la 17 Celoj por Daŭripova Evoluigo (CDE), kiuj nun gvidas la laboron de UN. Ankaŭ ĉe aliaj el la CDE, ekzemple: Celo 8, pri ekonomia evoluo, Celo 12, pri daŭripovaj konsumado kaj produktado, kaj Celo 14, pri protektado de la oceanoj, turismo starigas samtempe grandajn problemojn kaj grandajn ŝancojn.

En sia rezolucio proklamanta la Jaron, la Ĝenerala Asembleo de UN aparte substrekis la kulturan signifon de turismo *por nutri pli bonan interkompreniĝon inter la popoloj ĉie, por pligrandigi la konscion pri la riĉa heredaĵo de diversaj civilizacioj, kaj por disvolvi pli profundan aprezon de la propraj valoroj de diversaj kulturoj, tiel kontribuante al la plifortigo de paco en la mondo.* Tiuj ideoj, tiel proksimaj al tiuj de la esperantistoj, substrekas la valoron de pli vasta kleriĝado, diskutado kaj agado pri daŭripova turismo – ne nur en la 102-a UK mem, sed ankaŭ en pli longa perspektivo.

*Nia movado konsistas el homoj scivolemaj pri aliaj landoj kaj kulturoj, kiuj volas renkonti la lokanojn en rilatoj de egaleco,* klarigas Fettes. *Tio estas jam valorega kontribuo al la koncepto pri daŭripova turismo. Ni povus tamen fari multe pli por disvolvi la edukan kaj medikonscian flankojn de la turismo en Esperanto. Mi esperas, ke la kongreso en Seulo helpos inspiri novajn ideojn kaj novajn iniciatojn sur tiu kampo.*

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## UEA FARIĜIS LA OFICIALA SPONSORO DE *AMIKUMU*

Post diversaj diskutoj kaj intertraktoj, la Estraro de UEA decidis apogi la novan retan projekton *Amikumu*. UEA estas nun ĝia Oficiala Sponsoro. La projekto celas krei kaj evoluigi programeton (aplikaĵon) por poŝtelefonoj, kiu ebligas al parolantoj de elektita lingvo trovi samlingvanojn en sia proksimeco.

*La utileco de tia aplikaĵo por esperantistoj estas klara*, komentis Mark Fettes, la Prezidanto de UEA. *Iusence ĝi estas ĝisdatigo de la plej malnova servo de UEA, la Delegita Reto, kiu same celis plifaciligi kontaktojn inter homoj dum vojaĝoj aŭ pri komunaj interesoj.*

La programistoj de *Amikumu* estas du el la plej konataj retaj aktivuloj de la interreta generacio: Chuck Smith, elektita kiel Esperantisto de la Jaro 2015, kaj Evildea (Richard Delamore), la plej spektata Esperanto-filmisto ĉe JuTubo.

*Amikumu celas ne nur esperantistojn*, klarigas Evildea. *Ĝi celas parolantojn de ĉiuj el la 7.000+ mondaj lingvoj (inkluzive 100+ signolingvojn). Tio signifas, ke Amikumu servos kaj esperantistojn kaj neesperantistojn egale. Ekzemple, se vi parolas la ĉinan kaj interesas vin kudrado, vi povos uzi Amikumu por trovi proksimulojn, kiuj parolas la ĉinan kaj ankaŭ havas la saman hobion.*

Antaŭ du semajnoj, la skipo de *Amikumu* lanĉis per la retejo *Kickstarter* monkolekton, kiu jam alportis pli ol 25.000 eŭrojn. La sukceso de la monkolekto grandparte fontas el tio, ke ĝi furoras inter ne nur esperantistoj, sed ankaŭ poliglotoj, surduloj kaj parolantoj de minoritataj lingvoj.

Por ricevi pliajn informojn bv. skribi al <info@amikumu.com>. Donacojn eblas fari al la Amikumu-konto de UEA [amku-r]. Vidu: <http://uea.org/alighoj/pagmanieroj>. Bonvolu aldoni priskribon: Donaco.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## PARTOPRENU, SUBTENU LA 46-an INTERNACIAN INFANAN KONGRESETON

La 46-a Internacia Infana Kongreseto (IIK) okazos de la 22-a ĝis 29-a de julio 2017 en Seulo. Bongdo, la IIK-ejo, 10 km for de la UK-ejo, estas preta por akcepti la kongresanetojn ĉirkaŭ naturplena loko.

La temo de la Seula IIK estas *Kolora Mondo*. Diverslandaj infanoj kaj adoleskantoj amuziĝos pere de Esperanto kaj uzos la temon por krei ludojn pri koloraj kulturaĵoj, vestoj, manĝaĵoj, landoj... en plenkolora mondo. Ĉirkaŭ deko da gvidantoj el 4 landoj aktive preparas riĉan programon.

Se vi partoprenos en la Seula IIK, vi povos ĝui koreajn tradiciajn kulturojn, ĝui Esperanton per interesaj metodoj, amikiĝi kun multaj aziaj geesperantistoj, renkonti kaj Koreion kaj la tutan mondon.

Malgraŭ la vasteco de la tuta areo, inkluzive de granda ĝardeno kun promenvojoj, la Junulara Gastejo Bongdo povas akcepti NUR ĉirkaŭ 55 personojn. Bonvolu urĝi vin por aliĝi al la Seula IIK. La teamo atendos vin kun varma bonvenigo.

Bv. aliĝi pere de la retejo <bertosch.free.fr/iik2017>.

Vi povas kontribui al la estonto de nia movado ankaŭ instigante la partoprenon de infanoj/adoleskuloj el nepagipovaj landoj al la IIK, ekzemple per mona donaco al la kongreseto (UEA-konto “Adoptaj Gepatroj”) aŭ per aligo de iu konatuleto al la kongreseto.

Bonvenon en la Seula IIK!

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

la verda KoRo

➡➡➡➡➡➡➡➡➡➡➡➡➡➡➡➡➡➡➡➡➡➡➡➡➡➡➡➡kultura revuo

## BELARTAJ KONKURSOJ DE UEA EN 2017

La Sekretario de la Belartaj Konkursoj de UEA, emblema Esperanta aranĝo, invitas verkemulojn al partopreno en la 68-a okazigo. La rezultojn oni anoncos en la 102-a Universala Kongreso en Seulo. Partopreno estas libera al ĉiuj kaj ne ligita kun aliĝo al UK. La konkursaĵoj devas esti neniam antaŭe publikigitaj en ajna formo, krom en la branĉo Infanlibro de la Jaro. Oni rajtas sendi maksimume tri konkursaĵojn por sama branĉo. Endas sekvi jenajn regulojn:

**Poezio**: maksimuma longo ne fiksita.

**Prozo**: maksimuma longo 200 × 65 karaktroj (kvino da paĝoj).

**Teatraĵoj**: maksimuma longo ne fiksita.

**Eseo**: teme ligita kun Esperanto aŭ kun la kongresa temo, proksimuma longo 400 × 65 karaktroj (deko da paĝoj). La unua premio nomiĝas *Premio Luigi Minnaja*.

**Infanlibro de la Jaro**: originala aŭ tradukita libro por infanoj presforme aperinta en 2016. Aljuĝata estas nur unu premio.

Oni sendu po unu ekzempleron de ĉiu konkursaĵo – krom en la branĉo Infanlibro – al *Belartaj Konkursoj de UEA, ĉe Miguel Gutiérrez Adúriz*, prefere retpoŝte al la adreso <sciosfero@gmail.com>; aŭ, se tio ne eblas, papere al la adreso: *los Coteros 1-C, 2 Izda, 39600 Muriedas; Cantabria; Hispanio*, indikante la elektitan pseŭdonimon por gardi la anonimecon de la aŭtoro. Por la branĉo Infanlibro oni sendu unu ekzempleron de la koncerna libro al la adreso de *Miguel Gutiérrez Adúriz* kaj tri ekzemplerojn al *Ionel Oneț, Centra Oficejo de UEA, Nieuwe Binnenweg 176, NL-3015 BJ Rotterdam, Nederlando*.

Premioj: unua premio – 260 eŭroj, dua premio –182 eŭroj, tria premio – 104 eŭroj; Nova Talento – 182 eŭroj; Infanlibro de la Jaro – 546 eŭroj.

Detala regularo troviĝas en la retejo de UEA. La verkoj de la Belartaj Konkursoj, premiitaj en 2016, legeblas en la volumo *Belarta rikolto 2016*, eldonita de *Mondial*. La premiolistoj ekde la komenco de la Belartaj Konkursoj en 1950 troviĝas ĉe <http://esperanto.net/literaturo/bk/index.html>.

# NOVAJ GVIDANTOJ POR LA BELARTAJ KONKURSOJ DE UEA

La Estraro de UEA nomumis, per unuanima decido, la novan Prezidanton kaj la novan Sekretarion de la Belartaj Konkursoj de UEA: Miguel Fernández Martín kaj Miguel Gutiérrez Adúriz.

Kun granda dankemo al la antaŭa Prezidanto Humphrey Tonkin kaj al la antaŭa Sekretario Michela Lipari pro ilia multjara engaĝiĝo, ni deziras bonan laboron al la novaj gvidantoj, kies biografiaj notoj troviĝas sube.

**Miguel Fernández Martín** naskiĝis en Granado (Hispanio) en 1950. Tie li studis, krom la abiturienteco, solfeĝon kaj kant-arton. En 1968 li transloĝiĝis al Madrido kaj ekstudis en ĝia Politeknika Universitato. Esperantistiĝis en 1980. Iniciatinto de la *Lirikaj Festoj de HEF* kaj de la kolektivaj spektakloj *Vivu la teatro!* kaj kunfondinto de la Ibera Skolo aŭ Ibera Grupo de E-verkistoj. Gajnis plurajn premiojn en la Belartaj Konkursoj de UEA kaj en la Internaciaj Floraj Ludoj. Kunlaboras en diversaj revuoj, inter ili *Beletra Almanako*, *Sennaciulo*, *Sennacieca revuo* kaj *Boletín* de HEF. Aŭtoro de la lirika-muzika spektaklo *La profil' de viaj spuroj* kaj de la teksto de samnoma kantato, la unua pri neesperanta temo en la historio de Esperanto, kun muziko de Pedro Vilarroig, premierinta en 1993, en la Palaco de la Muziko de Valencio, kadre de la 78-a UK. Nuntempe Fernández tenoras ĉe la madrida plektr-orkestro *Calle del Barquillo.*

**Miguel Gutiérrez Adúriz** (pseŭdonime: Liven Dek, Svena Dun, M. Zocato, k.a.) naskiĝis en 1950 kaj estas kemia inĝeniero. Kiel verkisto, li estas aŭtoro de diversaj noveloj (el kiuj pluraj disponeblas en diverslingvaj tradukoj), precipe en la verkoj *Ekstremoj*, *Ne ekzistas verdaj steloj* kaj en la libroserio *Sferoj*. Liaj poemoj aperis en *Ibere libere*, komuna poemaro de la Ibera Skolo, kaj dise en diversaj revuoj. Li tradukis en Esperanton *Los niños tontos* (La stultaj infanoj) de A.M.Matute, *Ombroj sur verda pejzaĝo* de M.Llano, *Platero y yo* (Platero kaj mi) de J.R.Jiménez, kaj kontribuis per siaj tradukoj al pluraj aliaj libroj kaj revuoj. Kiel preleganto kaj gvidanto de literaturaj kursoj, li partoprenis en diversaj seminarioj kaj kongresoj. Grafike li kontribuis al la Esperanta kulturo per la dezajno de librokovriloj, ekzemple por la serio *Originala Literaturo* de IEM. Kiel eldonisto, li kreis plurajn libroseriojn (*Sferoj*, *Hispana Literaturo* ktp), kaj publikigis verkojn de aliaj aŭtoroj. Krome, li establis kaj administras kelkajn plene Esperantajn jutubajn kanalojn, kiujn li nutras per memfaritaj kulturaj filmetoj diverstemaj. Iama membro de la Akademio de Esperanto, li verkis la dudirektan vortaron *Amika* kaj lernolibron de Esperanto por hispanlingvanoj.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## APERIS NOVA LIBRO – “FUNDAMENTO DE LA HOMAJ RAJTOJ”

La 16-an de decembro 2016 UEA aperigis belan poŝformatan libreton, *Fundamento de la homaj rajtoj,* okaze de grava datreveno. Antaŭ precize 50 jaroj, la Ĝenerala Asembleo de Unuiĝintaj Nacioj (UN) akceptis du gravajn internaciajn traktatojn, ili estas la *Internacia Pakto pri Civilaj kaj Politikaj Rajtoj*, kaj la *Internacia Pakto pri Ekonomiaj, Sociaj kaj Kulturaj Rajtoj*. Per tiuj jure devigaj interkonsentoj, al kiuj intertempe formale aliĝis pli ol 160 landoj, la *Universala Deklaracio de Homaj Rajtoj* ricevis pliajn detaligadojn kaj konkretigon sur diversaj esencaj kampoj de la homa vivo.

Esperanta traduko de la *Universala Deklaracio* ekzistas jam de multaj jardekoj kaj estas legebla en la UN-retejo. La du Paktoj, tamen, aperas nun unuafoje en Esperanta traduko. La tradukadon faris d-ro Humphrey Tonkin, iama UEA-prezidanto kaj gvidanto de ĝia Novorka Oficejo, kaj liajn tekstojn kontrolis Brian Moon, profesia tradukisto ĉe Eŭropa Komisiono. Ĉiuj tri tekstoj estas kunigitaj en la libreto, kiu inkluzivas antaŭparolon de la Prezidanto de UEA, d-ro Mark Fettes, kaj kleran enkondukan eseon de d-ino M.Rafaela Urueña, profesoro pri la internacia juro.

“Ĉi tiu libreto estas omaĝo al la longa komuna historio de Esperanto kaj la homaj rajtoj en monda skalo”, klarigas d-ro Fettes. “Eldonante libroforme la tekstojn de tiu triparta fundamento de la homaj rajtoj, ni esperas rekonsciigi esperantistojn pri ilia graveco, kaj fari plian modestan kontribuon al iliaj diskonigo kaj efektivigo.”

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## NOVAJ DISKOJ DE VINILKOSMO




### ESPO DESPO “Bosniumas”

Nova albumo de *Espo Despo* liveras eksterordinaran sperton, des pli surprizan ke ĝi rezultas el tute nova muzikmaniero malproksima de ilia kutimo, kune farita de aro da muzikistoj el malsamaj landoj kaj muzikhorizontoj. Argentinano Alejandro Cossabela, Flávio Fonseca el Brazilo, parizano Gijom Armide, Patrik Aŭstin el Finnlando, kaj ankoraŭ aliaj gastoj kundividas ĉefe la regon de kantado en Esperanto kaj kapablas kontribui sian apartan fakecon kaj elkovi la entuziasmon necesan por realigi ĉi tiun projekton, malgraŭ siaj ofte tre malproksimaj muzikstiloj.

Temas pri dividita sentemo por muziko kaj kulturo iukiale malmulte konata kaj pli-malpli malproksima de la muzikkulturo de ĉiuj kunlaborantoj.

Tia estas la tradicia bosna muziko ("sevdalinko"), tre riĉa malgraŭ sia malmulta konateco sur monda nivelo. La okazo konigi ĝin al ni ja motivigas niajn muzikistojn, kiuj jam kutimas diskonigi eksternorman muzikon de antaŭ multaj jaroj!

Ĉi tiu albumo verŝajne neniam eldoniĝus se Amir Hadziahmetoviĉ, la gitaristo kaj kantisto de *Espo Despo*, ne renkontus en 2006 Branko Miljko, blindan esperantiston de Sarajevo. Eksciinte ke Amir estas muzikisto, Branko montris al li dudek siajn Esperanto-tradukojn de bosnaj sevdalinkaĵoj. Bedaŭrinde Branko mortis mallonge poste, sed la deziro uzi liajn tradukojn, miksante ilin kun plurjarcente malnovaj melodioj kaj relaborante ilin por hodiaŭaj oreloj, supervivas kaj omaĝas lin.

La teksto de la sevdalinkaĵoj estas speco de balado, ĝenerale kun temoj de amo kaj de malfeliĉa amo. Mustafa "Muce" Cengic, sonteknikisto kaj muzikproduktisto, konata pro siaj kreivaj kaj ekvilibraj aranĝoj, donis mirigan dimension al la muziko kiu akompanas ĉi tiujn tekstojn. La mastrigado kaj fina sonprilaboro estas farita de Triboulet de *Studio de la Trappe*, kaj donas tre kvalitan kaj precizan rezulton.

Eblus diri ke ĉi tiu albumo estas minimume nemalhavebla, kaj siaspece unika, almenaŭ ĝis nun.

-------------------------------------------------------------




**JOMO "jOmO Okcitanas"**

Krom se ĉi tiu estas via unua kontakto kun Esperanto, aŭ vi pasigis la lastajn dudek jarojn sur Marso, ĉu necesas prezenti la ĉiokapablan JoMon, faman poligloton kaj muzikiston, kiu ne lasos sin esti dependanta de kulturaj baroj?

JoMo jam alkutimigis nin al surprizoj, kaj ĉi tiu nova albumo neniel estas escepto. La stelulo de la albumo estas la okcitana sakŝalmo, kelkfoje nomita en la okcitana "la craba", kiu signifas "kapro", sed pli komune nomita "la bodèga", baptita tiel de tiuj kiuj kreis kaj postvivigis ĝin. Jen la grupo *Brankabodegaires* aŭ la "sakŝalmistoj" en la okcitana, kun kiu JoMo regule ludas en la stratoj, karnavaloj, festoj kaj paradoj en Laŭragais kaj la tuta regiono, kiuj estas honorgastoj por registri "jOmO Okcitanas".

La repertuaro estas tre gaja, ĝoja, danciga kaj havas siajn radikojn en tradiciaj okcitanaj kantoj. La tuto portata de la sonoj de la diversaj instrumentoj, kiujn JoMo ŝatas, kaj senmortigita de Triboulet en lia legenda *Studio de La Trappe*, promesas "brui", laŭ la okcitana esprimo!

La tekstoj de la albumo montras diversajn aspektojn de la okcitana kulturo, de sociaj luktoj ĝis la pasio por rugbeo, tra la tradicioj de vino kaj kar-

navaloj kaj la lukto por la postvivigo de la okcitana lingvo. Ankaŭ verkisto en sia libera tempo, JoMo por forigi la kliŝojn redaktis pri la okcitana lingvo manlibron en Esperanto, kiu subtenos ĉi tiun esploron de la multnombraj facetoj de Okcitanio. La publikigo de la manlibro estas planita baldaŭ post la eldono de "jOmO Okcitanas".

-------------------------------------------------------------

Ĉe la adreso <http://www.vinilkosmo.com> eblas trovi kompletan katalogon de Vinilkosmo, aŭskulti fragmentojn kaj mendi la diskojn.

***Informletero de Vinilkosmo***

## "BIBLIOTEKA APOGO BACHRICH" SUBVENCIIS 9 BIBLIOTEKOJN

La Fondaĵo "Biblioteka Apogo Honore al la Geedzoj Maria kaj Johano Bachrich", kies celo estas subteni kaj pliriĉigi la kolektojn de Esperanto-bibliotekoj, asignis subvenciojn – uzeblajn por akiri librojn aŭ aliajn varojn aĉeteblajn ĉe la Libroservo de UEA – al 9 el la 12 petoj ricevitaj okaze de la ĉi-jara alvoko.

La subvenciitoj ĉi-jare estas: Biblioteko Carlos Domingues, Brazilo (104,70 eŭroj); Esperanto-Biblioteko de Instituto Zamenhof, Togolando (174,20 eŭroj); Kroata Esperanto-Ligo (157,50 eŭroj); Infanoj ĉirkaŭ Afriko, Benino (353,10 eŭroj); Interkultura Centro Herzberg, Germanio (166,73 eŭroj); Bolonja Esperanto-Grupo "Achille Tellini 1912", Italio (83,25 eŭroj); Ĉeĥa Esperanto-Asocio (159,67 eŭroj); Triesta Esperanto-Asocio, Italio (123,22 eŭroj); Esperanto-Societo "Tibor Sekelj" en Subotica, Serbio (198,79 eŭroj).

*La kvalito de la ricevitaj subvencipetoj estis mirinde kaj gratulinde alta,* komentas Sara Spanò, estrarano de UEA pri Kulturo, *kaj atestas plenkonscian kaj engaĝitan sentemon pri la graveco pligrandigi la havaĵojn de niaj bibliotekoj, unu el la ĉefaj kolonoj de la valorigo de nia kulturo. Nia malfacila tasko estis identigi la plej elstarajn petojn, sed ni esperas alfronti similajn defiojn okaze de la venontaj alvokoj!*

Biblioteka Apogo Bachrich, starigita de UEA en 2014 danke al la malavara donaco de la gefiloj de gesinjoroj Bachrich (Venezuelo), alfrontas unu el la plej grandaj kulturaj bezonoj de la Esperanto-movado, ĉar ĝi subtenas Esperanto-bibliotekojn kiuj ne ricevas financan subtenon de ŝtata, urba aŭ alia nemovada instanco kaj kiuj tial riskus ne povi adekvate aktualigi kaj pligrandigi siajn kolektojn.

UEA laboras por krei pli kaj pli da similaj ebloj por plifortigi la Esperanto-kulturon kaj subtenas iniciatojn tiudirekten orientitajn.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## “KVIN GEAMIKOJ” DE JULIA SIGMOND [1]

### *Versa recenzo*

Kvin geamikoj. Esperantistoj
Kunproksimiĝas plumorenkonte.
Bonkorleteraj belaj rezistoj
Kontraŭ obstinaj limoj tutmonde.

Diversnaciaj samideanoj.
Zorgoj komunaj, kor’ komprenata.
Mankas la tempo, ĝenas malsanoj –
Ĉu l’ vivo estas dolĉa kaj glata?

Sed admirigas abnegacio,
Ega labor’ de la geamikoj,
Lum’ de la viv’ en alta konscio
Pri l’ Esperanto-senc’ kaj -efikoj.

Per Esperanto eblas kuraci
Multon venenan simple, facile.
Kio alia povas donaci
Vastojn, logantajn hele-ĝojbrile?!

Kaj Esperanto tra vivkomplikoj
Nin plu favoru je l’ plijuniĝo!
Plej koran dankon, “Kvin geamikoj”,
Pro l’ Esperanto-pluma feliĉo!

***Klara Ilutoviĉ (Elektrostalj)***

[1] La libro konsistas el la leteroj, kiujn Julia Sigmond dum jaroj ricevadis de kvin siaj amikoj-esperantistoj – Ada Fighiera-Sikorska, Johannes Palu, Nikolao Danovskij, Stanislaw Janusiewicz, Tibor Sekelj.




Julio Baghy (1891-1967)



Kolomano Kalocsay (1891-1976)

# BRILIANTA DUOPO: Julio BAGHY kaj Kolomano KALOCSAY

Oni distingas en la Esperanto-poezio kelkajn poetikajn skolojn: Rusan, Budapeŝtan, Skotan kaj aliajn. La Budapeŝta skolo formiĝis en la periodo inter la unua kaj la dua mondmilitoj kaj estas ligita unuavice kun la nomoj de la eminentaj hungaraj poetoj Julio (*Gyula*) Baghy kaj Kolomano (*Kálmán*) Kalocsay, kies 125-jariĝoj estis celebrataj ĉi-jare.

Ili estis ne nur samideanoj, kiel ĉiuj esperantistoj de la mondo, sed ankaŭ samlandanoj, samaĝuloj kaj samtalentuloj. Ili samtempe komencis aktivan E-agadon kaj literaturan verkadon. La unua verslibro de K.Kalocsay aperis en 1921 (*Mondo kaj Koro*), la unua poemaro de J.Baghy en 1922 (*Preter la Vivo*). Poste estis eldonitaj pluraj aliaj poeziaj kaj prozaj libroj de la verkistoj. En 1922–1949 (kun interrompoj) Kalocsay kaj Baghy kunlaboris kiel aŭtoroj kaj redaktoroj en la revuo *Literatura Mondo* kaj en la samnoma eldonejo. Oni tiom ekkutimis al ilia komuna agado, ke en 1936 estis eldonita libro kun la titolo *Arĝenta Duopo*, dediĉita al la 25-a esperantista datreveno de la verkistoj, kaj en 1966 aperis la dua analoga libro *Ora Duo-*

*po* lige kun la vicaj jubileoj de la amikoj-poetoj.

Nun ni povus nomi la klasikulojn de nia tutmonda Esperanto-literaturo brilianta duopo, kiu jam eterne prilumos per siaj brilaj talentoj vojon por novaj esperantistoj, ne nur por verkemuloj, sed ankaŭ por ĉiuj ŝatantoj de la beletro.

Interalie, la titolo "La verda KoRo" de la kultura rubriko de REGo estas prunteprenita de la samnoma libro de Julio Baghy, eldonita en 1937.

Nun mi proponis al la rubriko miajn ruslingvajn tradukojn de pluraj poemoj de miaj ŝatataj poetoj.

***Ludmila Novikova (Moskvo)***

---

# Julio Baghy — Дьюла Баги

***переводы с эсперанто Людмилы Новиковой (2016)***

## AŬTUNA MEDITO

Skuinte for skorion de la aĝo
mi ree povus migri temposalte,
imagi ĉion nobla jam dealte
kaj lukti por ideoj kun kuraĝo...

Skuinte for la prozon de la tago
mi povus fidi kaj jubili jese
pri la futuro, eĉ pri l' mond' forgese
ebrie tangi en nebula vago...

Skorion, tagan prozon por forskui
nun mankas forto pro ĥimer' infera;
vizie vidas mi, potenco tera
pri pac' mensoge celas por detrui.

Dum la geni' cirkulas jam orgojle
en kosmo por konkeri Universon,
la profitemo planas jam renverson
kaj vivo tera stagnas tombosojle.

*El "Ora Duopo" (1966)*

## ОСЕННИЕ РАЗМЫШЛЕНИЯ

Стряхнув с себя ушедших лет страницы,
я мог бы вновь идти путём походным
и видеть всё прекрасным, благородным,
с отвагою за идеалы биться…

Стряхнув с полудня прозу прозябанья,
я мог бы в свои грёзы погрузиться,
в мечтах о светлом будущем забыться
и танго танцевать, бродя в тумане…

Стряхнуть я мог бы путы долголетья,
но мне мешают ада привиденья:
я вижу ясно – целят разрушенья,
твердя о мире, все химеры эти.

Всё, что ум гения создал на свете,
осваивая космос дерзновенно,
стяжатель разрушает ежедневно,
и жизнь земная – на пороге смерти.

## SILENTAS MI, SED VI NE KREDU

Silentas mi, sed vi ne kredu,
ke vin forgesis mia kor'.
La belaj horoj, kisoj, larmoj
barakte vivas en memor'.
Mi amas vin eĉ pli ol iam,
mi amas vin, nur vin sen fin',
sed mi silentas – ho, pardonu! –
la sorto mem mutigas min.

Mi ne demandas, ĉu simile
suferas vi pro l' vana am'?
Mi sentas ja, ke la respondo
en vi delonge ploras jam.
Eĉ sen respondo mi komprenas:
vi serĉas la rifuĝon nur
kaj sinforgese enterigas
la vivan senton per plezur'.

Silentu ni kaj nur silentu;
ne gravas ŝajn', se regas ver'.
En korprofundo ni retrovos
konsolon por la sortkruel',
ĉar ĉio estis bela, bona,
ĉar ĉio estas vivdonac',
kaj ĉion, kion sorto rabis,
rehavas ni en reva pac'.

*El "La Vagabondo Kantas"*
*(1933)*

## МОЛЧУ Я, ТОЛЬКО ТЫ НЕ ДУМАЙ

Молчу я, только ты не думай,
что моё сердце не с тобой.
Часы свиданий, поцелуи
и слёзы властвуют душой.
Люблю тебя сильней, чем прежде,
Люблю тебя, одну тебя,
но я молчу – прости, родная! –
судьба лишила слов меня.

Хотел спросить бы: точно ль так же
тебя измучила тщета?
Но чувствую и без ответа –
ты молча говоришь мне "да".
Я и без речи понимаю:
забвенья ищешь ты себе
и в развлечениях кидаешь
упрёк разлучнице-судьбе.

Так не нарушим же молчанья:
нам не поможет стон мольбы.
В глубинах сердца утешенье
найдём от горестей судьбы.
Всё было нам подарком жизни,
мы были счастливы с тобой
и то найдём в воспоминаньях,
что было отнято судьбой.

## SIBERIA LULKANTO

Hirte flirte flugas haroj,
siblas vintra vent'…

## СИБИРСКАЯ КОЛЫБЕЛЬНАЯ

Нудно зудно зимний ветер
за окном шипит…

Morde torde ŝiras koron
larmoj kaj la sent'…
Kant' patrina plore sonas,
dormas filo en lulil'...
Noktripozon por li donas
sonĝ' infana en trankvil'...
"Baju, baju, bajuŝki...
Dormu sonĝe, dormu vi...
Ĝemoj, ploro kaj dolor'
flugu for de via kor'!
Baju... baju... bajuŝki...
Dormu filo, dormu vi!"

Brue skue blekas vento,
knaras ligna dom'...
Ĝeme treme sin forkaŝas
besto kaj la hom'...
Vent' alportas sangan krion
tra l' glacia neĝa val'…
Lastaspire petas Dion
preĝ' de l' patro en batal'...
"Baju, baju, bajuŝki...
Ho, fileto, dormu vi...
Kri' de l' morto, son' de l' plor'
flugu for de via kor'!
Baju... baju... bajuŝki...
Dormu filo, dormu vi!"

Prude krude fremdaj homoj
venas el insid'...
Trompe rompe sangtriumfe
venkas la perfid'...
Kant' patrina plore sonas,
dormas filo en lulil'...
Teran pacon por li donas
sort' de l' patro en trankvil'...
"Baju, baju, bajuŝki...
Koro mia, filo, vi...
Anĝeleto, pala roz'
dormu pace en ripoz'!

Томным злобным свистом этим
сердце бередит…
Песня матери рыдает,
в колыбели спит сынок…
В детских снах душа витает,
чуждая тревог…
"Баю-баюшки-баю…
Спи, сынок, а я спою…
Боль, страданья и беду
от тебя я отведу!
Баю-баюшки-баю…
Слушай песенку мою!"

Пьяно рьяно вьюга скачет,
в доме стонет дверь…
Зябко тряско себя прячут
человек и зверь…
Крик предсмертный вихрь доносит,
ледяной гонец…
В снежном поле Бога просит
Раненый отец…
"Баю-баюшки-баю…
Спи, сынок, а я спою…
Крик предсмертный, плача стон,
Не тревожьте крохи сон!
Баю-баюшки-баю…
Слушай песенку мою!"

Люди злые страшно вражно
прут со всех сторон…
Твой отец – боец отважный,
не сдаётся он…
Песня матери тоскует,
плачет без конца…
Жизнь и мир сынку дарует
смерть его отца.
"Баю-баюшки-баю…
Спи, сынок, а я спою…
Ангелочек мой, сынок,
Спи спокойно без тревог!

Baju... baju... bajuŝki...
dormu nur eterne vi!..”

Баю-баюшки-баю…
Спи, сынок, пока в раю!..”

*(Siberio, Nikolsk-Ussurijsk)*

*El “Preter la Vivo” (1923)*

## NUR MIGRI, ĈIAM MIGRI, MIGRI FOR

## ХОДИТЬ, БРОДИТЬ ПО СВЕТУ БЕЗ КОНЦА

Nur migri, ĉiam migri, migri for,
postlasi ĉie iom el la kor’,
al hejm’ sopiri ekster hejma ter’,
sed hejme sklave revi pri l’ liber’
kaj ree kuri for ĝis spira halt’
de ombra fundo al sunriĉa alt’;
jen vivo mia: migro kaj sopir’…
Celperda halto kaj celserĉa ir’.

Forviŝi fremdan larmon per konsol’,
sed lasi flui propran en la sol’
kaj arlekeni kun kaŝita larm’
por senti korkareson de korvarm’,
dividi min kun donacema sent’
kaj poste vei pro l’ malfrua pent’;
jen sorto mia: dono kaj ricev’...
Semado vana kaj senfrukta rev’.

Al mi nur vortoj ŝajnas ĉio jam:
ideo, celo, bono, vero, am’…
Mi scias, ke la tuta glora mond’
nur estas en dezerto seka font’.
Por ĉerpi el ĝi, por vivteni nin
la proprajn sentojn verŝas ni en ĝin.
Fatalo: klara vido, blinda mir’...
Infera sobro, migro en delir’.

*El “La Vagabondo Kantas” (1933)*

Ходить, бродить по свету без конца,
дарить частицы сердца всем сердцам,
устав, лететь домой во весь опор,
а дома снова рваться на простор,
и снова, сбив дыханье, мчись и мчись
со дна ущелья в солнечную высь;
вот жизнь моя: скитанья и тоска,
когда дорога к цели далека.

Чужие слёзы лаской утирать,
зато свои в глазах не удержать,
служить шутом, хоть боль в твоей груди,
чтоб чувствовать тепло сердец других;
с размахом щедрым душу раздарить,
чтобы потом за то себя корить;
вот жребий мой: в потоке суеты
посев бесплодный, призрачность мечты.

Меня слова лишь вдохновляют вновь –
идея, правда, цель, добро, любовь…
хоть знаю я, что этот мир земной –
пустой колодец в нестерпимый зной.
Чтоб из него черпнуть воды глоток,
найди на дне его души исток.
Я там холодный, трезвый ум найду
и муть надежд, скитания в бреду.

## RAN-KVARTETO

*Dediĉata al la plendantaj nenifarantoj*

Sub tegmento staris kuvo
dum somera densa pluvo,
sed tegmento baris pluvon,
pluvo falis apud kuvon,
ĉar el pluvo kuv' ne havis,
pro l' soifo ranoj kvakis:

Kvavak kvavak kvak kvak
akva kuvo, akva kavo
kvak kvak kvak
kvakas ni al Akvoavo
kvak kvak kvak
kvar kvakantoj kvardekvoĉe
kvartet-kvakas plenriproĉe
pro mankhav' de l' kava kuvo
en la akvokuv' sen pluvo
kvak kvak kvak!!!!!

Kvavak kvavak kvak kvak
Kava kuvo vane vakas
kvak kvak kvak
kvankam ni por pluvo kvakas
kvak kvak kvak
kvodlibet' de hor' kvakanta
en la kuva kav' vakanta
kvakas kvere: Akvoavo,
akvon al la kuvokavo
kvak kvak kvak!!!!!

Tio pruvas, se dum pluvo
staras sub tegment' la kuvo,
ranoj vane kvaki povas,
se je salto sin ne movas.

## КВА-КВАРТЕТ

*Посвящается жалующимся бездельникам*

Под стрехой стояла кадка,
наполнялась из осадков,
но склонилась кадка криво,
и вода стекала мимо.
Так как кадка пустовала,
клака квакш заквакватала:

Квавак квавак квак квак!
Это что за кавардак!
Квак квак ква ква!
Надо квакнуть в ЖКХ!
Квавак квавак квак квак!
Ква-квартет заквакал так
квадрокант колоратурный
за подъём аквакультуры –
кваквофония в ушах!
Квавак квавак квак квак!

Квавак квавак квак квак!
Квакшам квоту – полный бак!
Что за вакуум в той кадке –
мы ведь квакали к осадкам!
Квавак квавак ква ква!
Как канава далека!
Квавак квавак ква ква!
Дышим мы едва-едва!
Акведук нам из канавы!
Аквапарки – наше право!

Прилетела тут ворона
и заметила резонно:
“Кар! Не квакайте о праве –
лучше прыгайте к канаве!”

Do ne kvaku kiel ranoj,
karaj gesamideanoj!

*El “Pilgrimo” (1926)*

Нет ли средь знакомых ваших
тех, кто квакают, как квакши?

### AŬTUNA FOLIARO

Foliaro, flirte danca,
en koloroj centnuanca,
prujnmordite ventpelate
ŝvebas ĉie: kampe, strate;
jen kuniĝas, jen dissaltas,
tie sinkas, tie haltas
por susuri, sible plendi,
jen funebre por silenti,
poste supren, ek pro blovo,
sed sencele kaj sen povo
ĝis ĝi ĉesas kirle krozi
kaj ariĝas por ripozi,
kuŝi kiel morta garbo
sub soleca seka arbo.

*El “Aйtuna foliaro” (1965)*

### ОСЕННЯЯ ЛИСТВА

Вот листва порхает в танцах –
разноцветье в ста нюансах.
Ветер гонит, иней колет
её всюду: в роще, в поле;
то слетится, разлетится,
то нырнёт и приземлится;
шелестит, шуршит смущённно,
потом стихнет удручённо,
вдруг рванётся с ветром снова,
но бесцельно, бестолково;
покуражится кипуче
и замрёт пожухлой кучей,
некрасивой и бессильной,
под засохшею осиной.

---

# Kolomano Kaloscay    Кальман Калочаи

***переводы с эсперанто Людмилы Новиковой (2016)***

### ZAMENHOFA BALADO

Kiam li antaй sepdek jaroj
l’ Unuan Libron ekkaresis,
kaj inter liaj okulharoj
grandguta ĝojolarmo mezis:
La Verk’, por kiu li elspezis
junaĝajn ĝojojn, staris brile –
ekkanti al li tre necesis:
“Ho kor’, ne batu maltrankvile!”

### БАЛЛАДА О ЗАМЕНГОФЕ

В тот год начала вех зелёных
он обозначил Книгой Первой,
и слёзы чувств раскрепощённых
сопровождали трепет нервный:
держал в руках он беспримерный
Труд юности мыслеобильной!
Ему хотелось петь, наверно:
“О сердце, не стучи так сильно!”

Kaj kiam, malgraŭ ĉiuj baroj,
l’ Afero kreskis kaj progresis,
kaj jam entuziasmaj aroj
En Bulonjo sur Mar’ kongresis,
mirakla sento lin impresis,
kaj krii volis li jubile
(sed gorĝopremo ne permesis):
“Ho kor’, ne batu maltrankvile!”

Kaj en la tempo de l’ amaroj,
kiam la mondo murdekscesis,
el homa sango kreskis maroj,
ĉiuj esperoj ŝajne ĉesis,
al koro, kiu tiel pezis
en brust’ spiranta malfacile,
la lastan peton li adresis:
“Ho kor’, ne batu maltrankvile!”

Vin mil mil langoj ne forgesis,
Majstro, sed ĝemas ni simile
nun, ĉar la mond’ atomarmile
sin minacate refrenezis:
“Ho kor’, ne batu maltrankvile!”

*El “Ora Duopo” (1966)*

Когда энтузиастов первых
круг возрастающий был создан
и для сплоченья Делу верных
в Булонь-сюр-Мер конгресс
был созван,
он был торжественен и собран,
хоть крикнуть он хотел от счастья
(но голос в тот момент был сорван):
“О сердце, не стучи так часто!”

Во времена Армагеддона,
когда весь мир в огонь был брошен
и потекла кровь миллионов,
Надежда не сияла больше.
И, задыхаясь, наигорший
издал он стон непроизвольно.
Как был он слаб и безнадёжен:
“О сердце, не стучи так больно!”

Маэстро, помнят Вас потомки,
но мы сегодня стонем тоже –
ведь целый мир взорвать возможно
нажатием одной лишь кнопки:
“О сердце, не стучи тревожно!”

## SUB MOSKVO

La gotojn portis ega fortostreĉo
sub Moskvon, kaj, jubile
pri l’ atingoj,
ili sin puŝis plu en duonringoj,
por rabi tiun urbon per sieĝo.
Sed ilin juĝis historia leĝo:
rompiĝis honte la orgojlaj svingoj,
kaj kuŝas nun centmiloj
da vikingoj
anakronismaj sub la dika neĝo.

Stultulojn trompis

## ПОД МОСКВОЙ

Сам дьявол гнал к Москве
безумных готов.
В восторге от всех
прежних достижений,
Они стремились с зудом нетерпенья
взять в клещи и разграбить
этот город.
Но суд истории пресёк их гонор,
позорный приговор дав их набегам:
сто тысяч викингов лежат
под снегом,
не слышен больше их

kolportitaj ŝajnoj,
kaj ili klaĉis, ke en ses semajnoj
sterniĝos sur la ter' la landgiganto,
enmarŝos Moskvon
Pli-Ol-Napoleono...
Kaj jen, montriĝis
la mondkonkeranto
azeno en la felo de leono.

*1942*

*El la versaro "Tra la ŝtormo" (1939-1945)*

гортанный говор.

Амбиции свели с ума всю свору,
бахвалились они, что очень скоро
к ногам их ляжет русская порфира,
войдёт в Москву соперник Бонапарта…
Но вот все видят: покоритель мира –
осёл, надевший шкуру леопарда.

## VINTRO

Lamentas la arboj, ĉielen etendas
La brakojn skeletajn frostante kaj treme.
Ĝis fine la bona ĉiel' kompateme
Al ili ŝirmantan tapiŝon subsendas.

Kaj flokoj por blanka ĉiela kovrilo
Jen falas, kaj falas, kaj falas senĉese,
Ĝis sub ĉi kovrilo, ŝirmanta karese,
La arboj ekdormas en bona trankvilo.

Kaj dormas la arboj, kaj dormas la Tero,
Kaj kvazaŭ morttuko la neĝo sin sternas,
Sed sube jam ĝermas la nova espero.

Ĉar nasko kaj morto senĉese alternas,
Kaj ĝermas la semo, kaj falas la bero,
Sed vivas la Vivo, la Vivo eternas!

*El "Strecita Kordo" (1931)*

## ЗИМА

Деревья, ропща, к небесам простирают
Костлявые руки, от холода мучась.
Но вот, наконец, сердобольные тучи
Ковёр белоснежный на них опускают.

И нежные хлопья того покрывала
Всё падают, падают бесперебойно,
Пока не заснут все деревья спокойно
Под тёплым покровом, что небо послало.

Уснули деревья, земля безмятежна,
И снег, словно саван, её погребает,
Но снизу проклюнулась снова надежда.

Ведь смерть и рожденье друг друга сменяют,
Из ягод упавших, гниющих подснежно,
Ростки из семян их уже прорастают.

## IRAS ABITURIENT’…

Dum splena hor’, ĉagrena hor’
Ĉe l’ kor’ min ekkaresis
Arĝentsonor’ de l’ rememor’
Pri l’ tempoj, kiuj ĉesis.

Ĝojriĉa temp’, feliĉa temp’
De l’ knab’ facilanima!
Ho, viv-abund’ en korprofund’!
La viv’ estas senlima!

Senpena sort’ kaj plena fort’,
Amika rondo varma!
Kortuŝa fid’, plenbuŝa rid’
Pri ia farso ĉarma!

Ho, ora viv’, ĝojflora viv’,
Flugiloj ĝojfrapantaj!
Malĝoj’ kaj dub’? Facila nub’!
Projektoj dolĉe vantaj!

Studenta temp’! Ho, venta temp’!
Aĝ’ de printempa vento,
Aĝ’ de April’: en blanka bril’
Burĝonas knabosento:

Naiva am’. Je kiso jam
La lip’ soifa estas
Kaj per admir’ la amdezir’
La amatinon vestas.

Naiva poz’: he, sen ripoz’
Nur supren sur deklivo!
Infana sonĝ’, ho, vana sonĝ’,
Ĉar vekas sort’ de l’ vivo…

Reportu brilon al la malĝojanto,
Malnova, kara kant’, adiaŭkanto:

## ВОТ Я АБИТУРИЕНТ…

Я видел сон, щемящий сон,
Мне было так отрадно.
Я слышал звон, напомнил он
О том, что безвозвратно.

О тех годах, счастливых днях,
Когда я жил играя,
Когда я был сверхполон сил
И жизнь не знала края!

Златой удел – без тяжких дел
В кругу друзей-мальчишек!
Жизнь без забот, смех в полный рот
От разных детских фишек!

Златые дни! О, где они,
Те крылья желторотых?
Сомнений нет! Весь белый свет
Ждал наших сверхполётов!

Школярный век – весёлый бег
Весны в преддверье лета.
Звенит капель – в душе апрель
И чувства первоцвета.

Цветок любви горит в крови,
И губы жаждут ласки.
Желаний жар нарисовал
Любимую из сказки.

Наивный бред – препятствий нет,
Бегом на восхожденье!
О, детский сон, напрасный сон –
Ведь скоро пробужденье…

Верни мне этот сон из состраданья,
О, песня тех времён, времён прощанья:

Iras abiturient'
Jam for...
Adiaŭ, kamarad-taĉment',
Jam for…
La voj' alhejma antaŭ mi,
Filistro estos ankaŭ mi.
Jam for... al voj'…
Ni kisu nin je l' lasta foj'.

Infana sonĝ', ho vana sonĝ',
Ĉar vekas zorg' de l' vivo,
Kaj svenas ĝoj', kaj venas voj'
Malsupren sur deklivo.

En juga dev' la fluga rev',
La sonĝa mond' ekpalas,
Flugila sving' sen cel-ating'
Lamiĝas, kaj – ni falas.

Nenie sav'. Eĉ ama rav'
Ne helpas por leviĝo,
Ĉagrenos nin, ke venos fin':
Aŭ tromp', aŭ senreviĝo.

Kaj post esper' la malprosper'
Eterna kaj rigida,
Splenigas nin, plenigas nin
Per saĝ' vinagr-acida:

Por kio lukt'? Acida frukt'
Ja estas la espero,
Kaj ĝi de sur branĉ' sen matur'
Defalos al la tero.

Do, lasu nur: viv' pasu nur,
Ĉar estas ver' ordona,
Ke estas mond' kaj restas mond'
Malĝoja kaj malbona.

Вот я абитуриент
Там, вдали…
Друзей любимых силуэт
Там, вдали…
Вот путь домой передо мной,
Идут заботы чередой
За мной… домой…
В последний раз прощальный взмах рукой!

О детский сон, напрасный сон –
Ведь скоро пробужденье,
Исчез восторг, и путь наш с гор
Идёт на нисхожденье.

В плену забот мечты полёт –
Бледнее сновиденья,
И крыльев взмах – бесцельный крах –
Ведёт нас лишь к паденью.

Спасенья нет. Любовный бред
Не даст сил для летанья,
Печаль придёт, в конце нас ждёт
Боль разочарованья.

Надежды луч сокроет туч
Движенье без просвета,
Подавит нас, наполнит нас
Умом анахорета.

К чему борьба? Нас ждёт судьба
Подточенной ранетки,
Что, не созрев, не покраснев,
Сорвётся наземь с ветки.

Забыть про бунт и жить без дум!
Ведь правда непреложна:
Как был наш мир, так будет мир
Безрадостным и ложным.

Ho, ploru, ploru kun
la ekploranto,
Malnova, kara kant’, adiaŭkanto:

Iras abiturient’
Jam for....
Adiaŭ, kamarad-taĉment’,
Jam for…
La voj’ alhejma antaŭ mi,
Filistro estos ankaŭ mi.
Jam for… al voj’.
Ni kisu nin je lasta foj’.

*El “Streĉita Kordo” (1931)*

Заплачь же, плачь со мной
из состраданья,
О, песня тех времён, времён прощанья:

Вот я абитуриент
Там, вдали…
Друзей любимых силуэт
Там, вдали…
Вот путь домой передо мной,
Идут заботы чередой
За мной… домой…
В последний раз прощальный
взмах рукой!

## VESPERO EN LA PARKO

Senmovas arboj en la parko,
sur la ĉiel’ la kurba barko
de Nokt’, la Luno flosas.
Oblikve tra la branĉtegmento
vidiĝas en la okcidento
la sun-kisinta firmamento,
kiu nun pale rozas.

Transmonda estas la trankvilo.
Jen silentiĝis eĉ la trilo
de l’ bruaj birdkantistoj.
Lulzume nur skaraboj krozas,
la arbobranĉoj dorme pozas,
la parko lace ekripozas
post la someraj distroj.

Sed la odoroj estas viglaj!
Sin trudas timianoj tiklaj,
rezedoj, mentoj, malvoj,
freŝa odor’ de l’ rosa humo,
kaj tra ĉi odor-frenezumo
triumfe pafas rozparfumo
per ĉiovenkaj salvoj.

## ВЕЧЕР В ПАРКЕ

Безмолвствуют деревья парка,
Луна по небу, словно барка,
плывёт без смены позы.
Наискосок сквозь ветки терний
виднеется во мгле вечерней
заката поцелуй неверный
оттенка бледной розы.

Загробным кажется молчанье.
Умолкло даже щебетанье
пичуг неугомонных.
Жуков жужжанье лишь витает,
деревья ветки опускают,
и парк дремотно замирает
после забав бессонных.

Но расцветают ароматы!
Вот предлагают себя мята,
душица, резеда, мимозы
и запах травяной тимьяна,
но средь дурманов этих пряных
салютом залпов сладко-пьяных
победу держат розы.

Mi sur la mola herbo kuŝas
kaj mian varman vangon tuŝas
rosa herbet' petola.
Kun tiu malhelbrua arko
de l' firmament' kun la Lun-barko,
kun parfumsonĝoj de la parko,
mi estas sola, sola.

La Nokto venas brunkolore,
la Nokto nigras jam. Sed fore
La Urb' matenkrepuskas.
La Urb' albrilas por averto:
necesas tie lukti lerto,
en grotoj de ĉi ŝtondezerto
la hom' je hom' embuskas.

Necesas tie lukti, skermi,
aŭ ekstermiĝi aŭ ekstermi
kun turmentata cerbo,
necesas en tumulto puŝi,
la donacitan vivon fuŝi...
Beate estas kuŝi, kuŝi
sur herbo aŭ sub herbo.

В траве лежу я отдыхая.
Травинка, видимо, играя,
щеку мне оросила.
Под этой тёмно-синей аркой
ночных небес с Луною-баркой,
с ароманаважденьем парка
лежу один без силы.

Уж ночь сменила цвет на чёрный,
но где-то там, в дали просторной,
над Городом светает.
И Город вам маячит сине,
что нужно быть там агрессивней,
что в этой каменной пустыне
иначе не бывает.

Что нужно там за жизнь сражаться,
или ломать, или ломаться
с бедовой головою,
что нужно суетиться денно
и тратить жизнь свою разменно…
Не лучше ли лежать блаженно
в траве иль под травою.

*El "Izolo" (1977)*

## PROTESTO

Mi estas tiel laca, kiel la mont' maljuna,
kiun jam tedas teni la herbon kaj la humon,
kaj kiu ĉi fatrasojn forŝutas, kaj la lumon
de l' suno nude sorbas per sia roko bruna.

Mi estas tiel laca, kiel la arb' maljuna,
kiun jam tedas teni folian verdon, neston,

## ПРОТЕСТ

Я чувствую себя вершиной древней горной,
которой надоели корней грызущих сети,
которая свергает с себя оковы эти
и пьёт потоки солнца своей скалою голой.

Я чувствую себя оливой древнелетней,
которая устала питать листву и фрукты,

kaj kiu de l’ folioj forŝutas
lastan reston,
kaj al ĉiel’ sin streĉas kun
la branĉaro bruna.

Mi estas tiel laca plu servi, flori,
frukti,
mi volus sorbi sunon, kun grandaj
ventoj lukti,
kiel la nuda monto kaj senfolia arbo.

Libere de utilaj kaj oportunaj sentoj,
interparoli sole kun tiuj
grandaj ventoj,
potence kaj fantome – sentempa
aerharpo...

*El “Izolo” (1977)*

которая свергает с себя все
эти путы
и к небу простирает
коричневые ветви.

Я так устал бессменно цвести
и плодоносить,
хочу напиться солнца, ветрам
всем вызов бросить,
как дерево без листьев и склон
скалистый голый.

Свободный от полезных и
правильных движений,
общаться лишь с ветрами
на языке парений,
упруго и незримо под звуки
арф Эола.

---




***fluparolanta esperantisto-aŭtodidakto, la (jam) 12-jara Peĉjo Fedosov, kiu aktive partoprenas en diversaj aranĝoj de MASI***

### *Al la naskiĝtago de la Majstro*

# La muzika ĉefverko [1]



Li naskiĝis por komponi la muzikon –
La kreinto de la lingvo Esperanto.
Jen renkontas dum Kongres' amik' amikon,
Kaj eksonas la komuna lingva kanto.

En la mondo lia lingva simfonio
Vokas interkompreniĝi homajn korojn
Kaj per vortoj en la simpla harmonio
Proksimigas grave alilandajn forojn.

Esperanto, same kiel la muziko,
Komprenate vivas ekster lim' kaj spaco.
L' Majstro zorgis ne pri speco de prediko –
Reve logis lin la tuthomara paco.

L' Majstro tamen realiĝis muzikiste,
Komponinte la muzikon Esperanto,
Kiu sonas kontraŭ nekompren' reziste
Je l' muzike bonespera eleganto.

Por vivigi sian sanktan komunikon
Li la veran lingvan ĉefoverkon kreis.
Ve, ne ĉiuj aŭdas ankaŭ la muzikon,
Tamen soni ĝi ne ĉesas – ne pereis.

***Klara Ilutoviĉ (Elektrostalj)***

---

[1] Laŭ grafologia analizo de skribmaniero de L.Zamenhof li estis "nerealiĝinta muzikisto" [Jen Rodin. Esperanto, muzika ĉefverko ("La Gazeto", 2008). El: Julia Sigmond, Jen Rodin. Kvodlibeto. "Exit", Cluj-Napoca, 2015]

*Ludmila Novikova omaĝe al la jubileoj de Irina kaj Svetlana Gonĉarov-anoj*

# Mirinjo + Svenjo =

## Centjaro por la duopo –

## Tre mirinde!

**Ne lasu do junec' vin**
**En nova jarmil' suma!**



*La fotoj de la aŭtoro*

## ☺ AMUZAJ MISSKRIBOJ KAJ ERAROJ ☺

*Jen estas kelkaj amuzaj eraroj kaj misskriboj, trovitaj dum legado de diversaj E-tekstoj, plejparte – en la artikoloj kaj informoj, senditaj por REGo:*

**bekaj ĉirkaŭaĵoj** *(anst. belaj)*

**elmanigo de venkatestoj** *(anst. enmanigo)*

**vorveturi** *(anst. forveturi)*

---



# FELIĈAN NOVAN JARON AL ĈIUJ!